# Pragaj Sonoriloj

Materaj, N-o 1

*La unua numero de la kongresa kuriero, de la 19-an de julio 1996*
*Unu ekzemplero senpaga, ceteraj pagendaj po 2,- CZK*

## BONVENON EN PRAGO!

La ĉefurbo de Ĉeĥio bonvenigas esperantistojn el ĉiuj mondopartoj por la 81-a Universala Kongreso de UEA. Prago gastigis Universalan Kongreson lastfoje en 1921, kiam estis fondita ankaŭ SAT, sed postaj totalismaj reĝimoj malhelpis plurajn kongresojn. La nestabila ekonomia situacio en nia lando post ŝanĝo de la politika sistemo malebligis planitan kongreson en 1992, kiun ni deziris dediĉi al la memoro de Jan Amos Komenio (1592-1670), eminenta ĉeĥa pedagogo, kiu jam en la 17-a jarcento filozofie disvolvis la ideon de planlingvo, en kiu li vidis rimedon por disvastigado de klereco inter la popoloj kaj reeduko de la tuta homaro (la kongreso estis lastmomente transigita al Vieno).

Ĉijare do realiĝas la sopiro de ĉeĥaj kaj slovakaj esperantistoj montri al eksterlandaj samideanoj nian amatan Pragon, "patrinon de ĉeĥaj urboj, urbon centturan", plenan de historiaj memoraĵoj kaj al praganoj prezenti internacilingvan movadon, kies plej bona reprezentanto estas Esperanto. Ĝuu la kongresan etoson kaj sentu vin kiel en rondo familia.

## Korektoj de la Kongreslibro

Bonvolu noti, ke en la Kongresa Libro enŝteliĝis kelkaj eraroj pri la loko kaj tempo de programeroj:

paĝo 45 Trixini - anoncita: mardo en salono Lapenna
devas esti: ĵaŭdo en salono Zamenhof

paĝo 47 Koncerto de ĉeĥaj artistoj
anoncita: 16.45 - 18.00
devas esti: 14.30 - 16.00

paĝo 48 Koncerto J. Dziengielewska
anoncita: ĵaŭdo 14.00 - 15.30
devas esti: mardo 14.00 - 15.30

## Programŝanĝoj

### Honora komitato

ThDr. Rudolf Horský, teologo de husana eklezio

La inaŭguro de pentraj-ekspozicioj okazos lunde en la vestiblo sur la dua etaĝo, ne sur la unua, kiel anoncite en la kongresa libro.

### Novaj programeroj

(ankoraŭ ne en via Kongresa Libro, bv. aldoni)

Legantoj de Eventoj, Dimanĉo 17.00 - 18.00, salono Lorenc
FAT (filozofoj): jaŭdo 09.00-10.30, salono Vondroušek
ELF-AREK (filatelistoj, kolektantoj) 11.00 - 12.30, salono Vondroušek

ARTISTOJ,
kiuj prezentas dum la kongreso, estas invitataj veni al teknika konsiliĝo, sabaton 20 - 21.00, en salono Lorenc (ne al salono Symoens, kiel en viaj invitleteroj!)

### Gazetaraj konferencoj

| | | |
|---|---|---|
| Dimanĉo | 12.30 - 13.30 | salono Hodler |
| Lundo | 10.00 - 11.00 | salono Lorenc |
| Vendredo | 10.00 - 11.00 | salono Lorenc |

**Orbestra akcepto** - jaŭdo 17.00 - 18.00 en la ambodorna akceptejo. Nur por invititoj! Invitiloj haveblaj ĉe la ĝenerala direktoro de UEA, S-ro Osmo Buller.

**Amatora Radio-Stacio** - funkcios en la kongresejo. Detalaj informoj dum la kunveno de ILERA, dimanĉo 14.00 - 16.00, salono Pompr, kaj en la postaj numeroj de tiu ĉi Kuriero.

## Por filatelistoj kaj kolektantoj esperantaĵoj:

Ĉe la poŝtoficejo de moravia urbeto Strážnice estas uzata dum la UK en Prago speciala glumarko por registritaj leteroj kun surskribo en Esperanto: „81-a UK en Esperanto Praha 20. - 27. 7. 1996". En kongresa poŝtejo, ĉe ĝia estro, vi povas demandi pri ĝi kaj ankaŭ mendi ĝin.

**La kongresan poŝtejon** vi povas trovi inter giĉetoj de akceptejo. Ĝi proponas ĉiujn bazajn poŝt-servojn, vi povas tie ankaŭ aĉeti poŝtmarkojn, telefonkartojn kaj filatelaĵojn.



## TAGO DE LERNEJO DUM LA 81-a UK-o en PRAGO, 23. 7. 1996
## La PROGRAMO DE ILEI POR LA TAGO DE LERNEJO

1. Enkonduko: Mila v.d. Horst-Kolinska
2. Prezento de kompleta Cseh-metoda leciono kun uzo de Mazi-filmo.
3. Enkonduko pri la diferencoj inter MAZI TV-serio kaj vid-benda filmo kun prezento de almenaŭ du scenoj kun la ŝanĝoj. Gvidos Roman DOBRZYNSKI, la reĝisoro, kiu ŝanĝojn faris.
4. Surpriza programo de speciala (sekreta) gasto.
5. Se la salono estos daŭre libera kaj se estos volontuloj por spekti pli grandan kvanton de TV-serio por vidi la ŝanĝojn kompare al vid-benda filmo, la Mazi-teamo estas preta prezenti ĝin dum ankoraŭ 30 minutoj, respondante ev. demandojn.

Dum la programo kaj poste funkcios tablo kun nova MAZI-libro LUDU kaj EKZERCU kaj help-materialo tiucele preparita.

**Ĉe la tablo deĵoros: s-ino T. KAPISTA.** La kolora libro „Mazi en Gondolando". „Ludu kaj ekzercu" troviĝas ankaŭ en kongresa libroservo.

Kadre de la Tago de la Lernejo, invitita de ILEI, prelegos i.a. red. Andrzej Pettyn el la E-Redakcio de Pola Radio pri la temo „Rolo de radioelsendoj en la memlernado de Esperanto". En la prelego li prezentos siajn multjarajn spertojn pri la temo kaj ankaŭ spertojn kolektitajn de aŭskultantoj. Cetere en la kongresa libroservo troviĝas kelkaj libroj kaj broŝuroj de Pettyn, i.a. „Ĉu vi volas paroli flue?", „La E-fonetiko en praktiko", „Esperanto en dialogoj" kaj la plej nova „Esperanto laŭ aŭmetodo", en kiu li prezentas amuzajn kaj iafoje strangajn, sed tamen lernigajn novaĵojn kolektitajn el radioelsendoj kaj E-gazetaro.

## Salutoj kaj sciigoj

Estimataj kongresanoj

al la 81-a kongreso de Universala Esperanto-Asocio mi deziras plenan sukceson. Certa pri la helpo de TAKE - LA DOMO por la realigo de niaj komunaj ambicioj.

Michel BASSO
prezidanto de TAKE
(Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj)

Bedaŭrinde pro serioza malsaneco mi ne povos partopreni la 81-an UK en Prago 1996. La prognozo estas, ke mi havas nur kelkajn monatojn por vivi. Mi estas tre ĉagrenita, ĉar delonge mi volis viziti Pragon. Se iu kongresano demandas pri mia neĉeesto, bonvolu sciigi lin pri ĝi.

Sincere via

D. M. Fulford

**BRUNO VOGELMANN**
**aŭtoro de LA NOVA REALISMO,**
kongresa numero 290
informas:

Karaj geamikoj, kiujn mi intencis renkonti dum la kongreso, bedaŭre mi ne plu povas vojaĝi tiutempe, ĉar subite spasmo kun akra muskoldisŝiro en dekstra suro kaŭzis, ke mi apenaŭ povas piediri kaj la resaniĝo daŭros monatojn. Mi delongtempe ĝojis je tiu kongreso kaj estas trista, ke mi ne vidos vin, nun kiam mi estas 87-jara. Mi deziras al vi belajn tagojn kaj bonan sukceson al la kongreso.

Kun koraj salutoj via

Bruno Vogelmann"

## Redaktoroj

En Esperantujo abundas magazinoj, ĵurnaloj, bultenoj, informfolioj. Ĉi-jare mi invitis eldonistojn, kiuj havas komercajn" rilatojn kun UEA, prezenti iliajn periodaĵojn en la libroservo por permesi al kongresanoj ilin vidi, foliumi kaj decidi pri abono.

Ni konscias, ke ne ĉiuj gazetoj vivas bonfarte, ke ofte estas problemoj pli diversaj. Kunlaborantaro, interesaj artikoloj, postenoj, abonantaro.

Venu kaj rakontu viajn spertojn! Eble interŝanĝo de ideoj povus naski novajn solvojn, kiuj plifaciligos ĉies laboron, ĵaŭde 10.00 horo, salono Symoens, unua etaĝo.

Michela Lipari, k n-ro 307

POŠTATLASO

PRAHA

81-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*Por kongresanoj estas preparitaj ĉe giĉeto speciala eldono de poŝatlaso kun la plano de Prago en Esperanto (Eldonis NORD SERVICE Opava) kaj bela bildokarto de Prago kun surskribo en Esperanto.*



81-a Universala Kongreso de Esperanto
Prago, 20.–27. 7. 1996



Aldono de la unua Kongresa Kuriero - PRAGAJ SONORILOJ

## Ekkonu la laboron de ILEI-Komisiono pri Konkursoj

Jam ekde 6 jaroj aktivas la supra Komisiono, kaj ĝi povis altiri konsiderindan nombron da esperantistoj dank' al tio, ke la agadon helpas la redakcio de Eventoj, tiu de Radio Budapeŝto kaj lastatempe Vieno. Por montri al vi ĉiuj, kiel aspektas la plej populara konkurso, la komisionestro kompilis specialan kongresan n-ron esperante ke, koniĝinte kun almenaŭ unu taskofolio, multaj ekhavos konkursemon en septembro, kiam komenciĝos la 7-a konkursojaro.

## Jen la nuna taskaro:

**6-a jaro, kongresa n-ro .... PLENAĜULOJ Limdato: 23. VII. 1996**

1) Kolektu almenaŭ ses vortoparojn, kiuj diferencas per *s* - *ŝ* literparoj. Ekzemple *si* – *ŝi* (3 poentoj)
2) Konstruu kiel eble longan vorton aldonante ĉiufoje unu literon ĉe la komenco. (2 poentoj)

(Komencu per la nomo de iu konsonanto, ekz. *to, ro, so* ...)

3) Finu la proverbon: *Bona vino* ... (2 poentoj)
4) Iu hazarde paŝis sur vian piedon. Kion vi rediras al li/ŝi: *"Pardonu!"* (2 poentoj)
5) Kio estas la titolo de kvaronjara E-a revueto de poemtradukistoj en Eŭropo? (2 poentoj)
6) Kiu(j) vorto(j) estas fremda(j) en la vico:
*poemo, verso, jambo, trofeo, pirueto, daktilo, poeto, cezuro, stumpo, ritmo* (3 poentoj)
7) De kiu estas la citaĵo? (2 poentoj)
*"Samgravas eksplodeg' de astro/ kaj ekrideto de knabin'"*
8) Solvu la enigmojn: ***k I r*** ; $\frac{E}{Z}$ (2 poentoj)
9) Ĝis nun kioma UK estis la plej multnombra? En kiu jaro? (2 poentoj)

## La solvofoliojn metu en la keston kun surskribo: ILEI-Konkurso ĝis la 20-a horo

Kaj nun prenu paperfolion de la formato A/5 (14,8 x 21 cm) kaj supre, dekstre aŭ maldekstre skribu legeble vian kompletan nomon, la landokodon oficialan kaj vian kongresan n-ron, poste unu sub la alia donu laŭvice tre koncizajn respondojn al la numeritaj demandoj. Kiam vi estos preta, metu la falditan folion en skatolon kun surskribo: ILEI-konkurso ĝis la vespero de la 23-a (mardo) de julio. La rezultoj estos elmetitaj ĵaŭde matene. Kiujn interesas la konkurso, serĉu s-ron Kurucz, kiu gvidas unu el la Konversaciaj Rondoj. Lia adreso: Géza Kurucz, Nyíri út 11., HU-6000 KECSKEMÉT, Hungario.

## La unua aldono de la listo de kongresanoj - 19. 7. 1996

2704 S-ro Artur Doçi, Peshkopi, Albanio.
2705 S-ro Georges Helvnet, Bruxelles, Belgio.
2706 S-ino Maria A. S Nogueira Sobral, Mairipora, Brazilo.
2707 S-ino Nancy Fontannaz, Pully, Svislando.
2708 S-ro Lutz Zywicki, Potsdam, Germanio.
2709 S-ino Katriina Maj-Lis Muuralnen-Sarkka, Kangasala, Finnlando.
2710 S-ino A. Barbara Pietrzak, Warszawa, Pollando.
2711 S-ino Grazyna Nazarko, Kraków, Pollando.
2712 S-ro Andrzej Pettyn, Milanówek, Pollando.
2713 S-ino Ana Maria Ibañez, Mar Del Plata, Argentino.
2714 S-ino Sarah Donkerwolcke, Kapellen, Belgio.
2715 S-ro Roger Iserentant, Brugge, Belgio.
2716 S-ro Cesar Dornelles Soares, Porto Alegre, Brazilo.
2717 S-ro José Carlos Dorini Ramos, Brasília, Brazilo.
2718 S-ro Andreas Joachim Denk, Berlin, Germanio.
2719 S-ro Sebastian Hartwig, Berlin, Germanio.
2720 S-ro Greg Massiah, Loughborough, Britio.
2721 S-ino Mirjana Željezi, Zagreb, Kroatio.
2722 S-ro Krisztián Borzák, Kecskemét, Hungario.
2723 S-ro Gergely Lukács Tóth, Gyöngyös, Hungario.
2724 S-ino Ágnes Őri, Veresegyház, Hungario.
2725 S-ino Paola Ambrosetto, Mestre, Italio.
2726 S-ino Yosiko Atake, Kiyosi-gun, Japanio.
2727 S-ro Mitutaka Inui, Kadoma-si Japanio.
2728 S-ino Yuki Izumi, Kawatinagano-si, Japanio.
2729 S-ino Aiko Jamada, Kameoka-shi, Japanio.
2730 S-ro Takasi Yamashi, Kameoka-shi, Japanio.
2731 S-ino Katagiri Chiyuri, Sanjo-shi, Japanio.
2732 S-ino Kuniko Kotyoo, Itihara-si, Japanio.
2733 S-ro Atunori Kawahito, Ikeda-cho, Japanio.
2734 S-ino Keiko Kima, Kameoka-Si, Japanio.
2735 S-ro Minoru Saitoo, Kyokusi-muia, Japanio.
2736 S-ro Takatoru Nionino, Sakai-si, Japanio.
2737 S-ro Nobuo Yosizawa, Susono-si, Japanio.
2738 S-ro Ryoo Ookubo, Kameoka-si, Japanio.
2739 S-ro Hiromu Donisi, Kameoka-si, Japanio.
2740 S-ro Yosihiro Satoo, Nisikanbara-gun, Japanio.
2741 S-ino Sato Kine, Kameoka-shi, Japanio.
2742 S-ino Urara Sagano, Kameoka-Si, Japanio.
2743 S-ino Suzuko Sugiya, Hakodate-si, Japanio.
2744 S-ro Takahiro Satoo, Yosida-cho, Japanio.
2745 S-ino Yooko Tanabe, Kikuti-si, Japanio.
2746 S-ro Youhei Yamamoto, Kooka-gun, Japanio.
2747 S-ino Nobuko Yosida, Kameoka-si, Japanio.
2748 S-ro Yoshihiro Kitagawa, Uji-city, Japanio.
2749 S-ino Yoshida Yoshiko, Takamatsu-shi, Japanio.
2750 S-ro Henriël Tidilaleo Firaisana, Antananarivo, Madagaskaro.
2751 S-ro N. Hamzatov, Ufa, Rusio.
2752 S-ino R. Hamzatova, Ufa, Rusio.
2753 S-ino I. Islamova, Ufa, Rusio.
2754 S-ro V. Islamov, Ufa, Rusio.
2755 S-ro Nikolao Čigajev, Ufa, Rusio.
2756 S-ino Haruyo Nakazawa, Funabashi-shi, Japanio.
2757 S-ro Tomislav Radić, Zagreb, Kroatio.
2758 Mari Kuroyanagi, Saint-Etienne, Francio.
2759 S-ro Danny ten Haaf, Leiden, Nederlando.
2760 S-ino Eilen Dijkstra, Leiden, Nederlando.
2761 S-ro Jan Christof Hinnerwedel, Hamburg, Germanio.

2762 S-ino Jutta Soeltz, Hamburg, Germanio.
2763 S-ino Brigitte Noël, Montmorillon, Francio.
2764 S-ro Jean-Jacques Noël, Montmorillon, Francio.
2765 S-ino Joan Harrison, Britio.
2766 S-ino Mária Kinga Rados, Budapest, Hungario.
2767 S-ro Dmitri Horowitz, Delft, Nederlando.
2768 S M.W van Tuylen, Rosmalen, Nederlando.
2769 S-ro Peter Leuwen, Rosmalen, Nederlando.
2770 S-ino Vida Jerman, Zagreb, Kroatio.
2771 S-ino Anna Löwenstein, Zagarolo, Italio.
2772 Fabiano Corsetti, Zagarolo, Italio.
2773 Gabriele Corsetti, Zagarolo, Italio.
2774 D-ro Renato Corsetti, Palestrina, Italio.
2775 S-ro Koichi Kai, Yatiu-si, Japanio.
2776 S-ro Arjen Sjoerd de Vries, Amsterdam, Nederlando.
2777 S-ino Marwine van der Molen, Enschede, Nederlando.
2778 S-ro Roel O. Haveman, Enschede, Nederlando.
2779 S-ino Rineke Hoens, Ede, Nederlando.
2780 S-ro Sander v. Huijzen, Nijmegen, Nederlando.
2781 D-ro François Le Jacopo, Paris, Francio.
2782 S-ino Saša Sirovec, Paris, Francio.
2783 F-ino Katrin Halda, Reykjavik, Islando.
2784 S-ro Adelino De Castro, Brasilia DF, Brazilo.
2785 S-ro Petko P. Arnaudov, Pazarĝik, Bulgario.
2786 S-ro Martin Schäffer, Stuttgart, Germanio.
2787 S-ro David van Berkoijen, Castricum, Nederlando.
2788 S-ino Barbara Desprez, Sameux, Francio.
2789 S-ino Vero Buchanek, Breisach-Lohmüle, Germanio.
2790 S-ino Ursula Richter, Anfheim, Germanio.
2791 A. Winter, Cottbus, Germanio.
2792 S-ro Miĥail Danilov, Moskva, Rusio.
2793 S-ro Stanislav Starĉov, Moskva, Rusio.
2794 S-ro K.L. Molnar, Amsterdam, Nederlando.
2795 Mea Bombardelli, Split, Kroatio.
2796 F-ino Ana Dezo, Zagreb, Kroatio.
2797 S-ro Denis Haziri, Zagreb, Kroatio.
2798 S-ro Faruk Islamović, Zagreb, Kroatio.
2799 S-ino Gordana Dragičević, Zagreb, Kroatio.
2800 S-ro Vladimir Kasenski, Zagreb, Kroatio.
2801 F-ino Katarina Rože, Zagreb, Kroatio.
2802 F-ino Mila Bečka, Zagreb, Kroatio.
2803 F-ino Martina Prelogar, Zagreb, Kroatio.
2804 S-ro Briand Krueger, Olympia, Usono.
2805 Aĥtar Ehsadi, 15-663, Irano.
2806 F-ino Azar Fatrali Zamoux, 13-949, Irano.
2807 Nilosfar Salahi, 14147, Irano.
2808 S-ino Parinoosh Samiee, 14-147, Irano.
2809 S-ro Oliver Mütz, Zweibrucken, Germanio.
2810 S-ino Nava Cinori, Kirjat-Ono, Israelo.
2811 S-ro Timothy B. Carr, CX2 6JL.
2812 S-ro Bruno Blochon, La Tour de Salvagny, Francio.
2813 S-ro Cedric Fotoran, Lyon, Francio.
2814 S-ino Catherine Giangrossi, Villeurbanne, Francio.
2815 S-ro Pascal Lecaille, Lyon, Francio.
2816 S-ro Rodney Smith, Lelystad, Nederlando.
2817 S-ino N. Overwater, Rotterdam, Nederlando.
2818 S-ino Janine Pilger-Bugel, Lelystad, Nederlando.
2819 S-ro Michel Pilger, Lelystad, Nederlando.

2820 S-ro Wouter Pilger, Lelystad, Nederlando.
2821 S-ro Rodriguez Álvarez José Enrique, Santiago de Cuba, Kubo.
2822 S-ro Drago Smolić, Paderborn, Germanio.
2823 Abbas Oridi Tabalvandi, Tehran, Irano.
2824 Fariborz Jamshidpour, Tehran, Irano.
2825 Golenorkhi Farhang, Tehran, Irano.
2826 Khanlo Gholamali, Tehran, Irano.
2827 S-ro Mansour Eghbal Chehrehbargh, Tehran, Irano.
2828 S-ro Majid Rejabi, Tehran, Irano.
2829 S-ro Ali Kahanipour, Tehran, Irano.
2830 Houssainejad Safsori Sadat, Tehran, Irano.
2831 S-ro Saeid Andalibzadeh, Tehran, Irano.
2832 S-ro Mohammad Haris Yazdani, Tehran, Irano.
2833 S-ino Anna Sofie Robinson, Katlakoga, Svedio.
2834 S-ino Carola Lehr, Neubrandenburg, Germanio.
2835 S-ro Gustavo Jorge Castro Arelas, Lisboa, Portugalio.
2836 S-ro Zhao Jianping, Beijing, Ĉinio.
2837 S-ino Yukako Kawague, Tokio, Japanio.

## TAGO DE LA LIBRO

Bonvolu noti, ke en kongreslibro, paĝo 16, enŝteliĝis eraro. La kunveno „tago de libroj" dediĉita al instruiloj, eseoj k.s. okazos ne ĵaŭde, sed marde - tago de la lernejo - je la 16:00 horo, en salono Drajev (teretaĝo).

Michela Lipari, k.n. 307

Aŭtoraj duonhoroj

Dum la tuta semajno, ekde lundo, ĉiuj kongresanoj povas renkontiĝi, en la libroservo kun la plej amataj verkistoj por koni ilin, aŭdi de ilia voĉo la esencon de iliaj kreaĵoj. Ĉijare ni prezentas parte gravan kaj interesan bukedon konsistantan el: W. Auld, Ulrich Becker, Marjorie Boulton, Mauro Nervi, Sergej Pokrovskij, Spomenka Štimec, Eli Urbanova kaj ... surprizoj! Legu en la kongresa kuriero ĉiun tagon la ĝustajn horojn kaj la nomojn de la tiutagaj verkistoj kaj ne maltrafu la aŭtorajn duonhorojn.

Michela Lipari, k.n. 307

Kulturagantoj

Artistoj ĉiam pli multiĝas en niaj rondoj; daŭre oni povas legi informojn pri novaj kantist(in)oj, aktoraj trupoj, koncertistoj, sed ĉu ni konas ilin, ĉu facilas por ili trovi „laboron" kaj aliflanke, ĉu organizantoj de plej diversaj aranĝoj tuj trovas taŭgan kulturan eventon por kroni la okazaĵojn?

Eble estas tempo iom fari tiukampe.

Pro tio mi invitas ĉiujn interesitojn al printempa kunveno okazonta ĵaŭde je la 9.[30] horo en salono Symoens, unua etaĝo. Mi ŝatus interŝanĝi ideojn pri la problemsolvado kaj pri la plej bona maniero krei vojon por plifaciligi la agadon ambaŭflanke.

Michela Lipari, k.n. 307

Pragaj Sonoriloj

Matenaj, No-2

## Kongresa kuriero

**Gazetara konferenco okazos dimanĉe, la 21-an de julio, je la 12.30 horo, en la konferenca salono (4-a etaĝo).**

### La unua gazetara konferenco

Ĝi okazis jam ĵaŭde 18.7. en Klubo de jurnalistoj en Praha. Ĉar temis pri ĝeneralaj informoj pri la movado kaj pri la 81-a UK, ĉeestis ĝin ĉefe membroj de la LKK (7 personoj) kaj KKS Nikola Rašić. En enkonduko skizis la prezidanto de LKK Vlastimil Kočvara staton de la movado en Ĉeĥio kaj reliefigis sencon de Universalaj kongresoj, kun stato de la preparo de la nuna. N. Rašić akcentis poste specifajn trajtojn de la Praga kongreso kaj samtempe informis aŭskultantojn pri la movado en la mondo.

Sekvis vigla diskuto kun ĉiuj 16 partoprenintaj jurnalistoj, kiuj metis multajn demandojn. Respondis ilin kelkaj respondecaj LKK-anoj. Fine la Radio Vox (Praha) kaj la televido Premiera aparte intervjuis la prezidanton de LKK.

Kov

### Renkontiĝo kun Nobel-premiito

Gazetara konferenco kun Nobel-premiito prof. Reinhard Selten el Germanio okazos lunde je la 10.00 horo en salono Lorenc. Prof. Selten jam alveturis sabate posttagmeze. La konferencon partoprenos ankaŭ prof. Amri Wandel el Israelo kaj prof. Vlastimil Novobilský el Ĉeĥio.

### Akredititaj jurnalistoj, sabato, 20. 7. 1996:

Radio Free Europe
Radio Liberty - Svobodná Evropa
Jeremy Bransten

Grgat Davor, k. n-ro 1338, jurnalisto de Radio-stacio Split kaj taĝjurnalo „Slobodna Dalmacija“, Kroatio

Hubáčková Jiřina Jana, ĉ. p. 4118

s-ino Ludmila Noviková, Batajskij pr. 51-52, Moskvo, Rusio

## La dua aldono de la listo de kongresanoj - 96-07-20

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2838 | s-ro Bohumil Bouzek | Ústí n. Labem | Ĉeĥio |
| 2839 | s-ino Leonova Torres | Playa Hornos | Meksiko |
| 2840 | s-ro Meziane Boukhebou | Tizi-Ouzou | Alĝerio |
| 2841 | s-ro Pavel Šťastny | Praha | Ĉeĥio |
| 2842 | s-ino Danit Ŝaĥar | Givat Ĥajim Iĥud | Israelo |
| 2843 | s-ino Thatiane Santos | Brasilia - D. F. | Brazilo |
| 2844 | s-ro Daniel Daniel Kadi | Addis Abeba | Etiopio |
| 2845 | s-ro Michael Robert Sedgley | Tokio | Japanio |
| 2846 | s-ro Josias Ferreira Barboza | Brazilia | Brazilo |
| 2847 | s-ino Monique Noel | Outreau | Francio |
| 2848 | s-ro Yaw Ampomah Badu Frempong | Eir | Ganao |
| 2849 | s-ro Mario Jose Miranda | Buenos Aires | Argentino |
| 2850 | s-ro Hong Hac Nguyên Van Thinh | Hanojo | Vjetnamio |
| 2851 | s- ino Ewa Sienicka | Basztowa | Pollando |
| 2852 | s-ro Grgenic Panting | Thatcham | Anglujo |
| 2853 | s-ro Valeri Ĥromov | Kaliningrad | Rusio |
| 2854 | s-ro Aleksej Semjonkin | Kaliningrad | Rusio |
| 2855 | s-ino Emilia Falková | Dolný Kubín | Slovakio |
| 2856 | s-ro Maksim Kejda | Kaliningrad | Rusio |
| 2857 | s-ro Attila Vasó | Budapeŝto | Hungario |
| 2858 | s-ino Niloofar Salehi | Tehran | Irano |
| 2859 | s-ino Aftar Etemadi | Sohrevardi Oonubi | Irano |
| 2860 | s-ino Azar Farai Zenouz | Tehran | Irano |
| 2861 | s-ino Jamie Parinoush | Tehran | Irano |
| 2862 | s-ino Judith Bastiancili | Lebanon | Usono |
| 2863 | s-ino Ona Zalinskiene | Marijampole | Litovio |
| 2864 | ro Gaston Cathala | Toulouse | Francio |
| 2865 | in Vera Kandalinskaja | Triĥvin | Rusio |
| 2866 | ro Neven Kovačić | Brussel | Belgio |
| 2867 | in Sveta Gonĉarova | Odincovo | Rusio |
| 2868 | in Elena Lavrova | Moskvo | Rusio |
| 2869 | ro Denis Mojsev | Moskvo | Rusio |
| 2870 | ro Romano Zagorodnev | Moskvo | Rusio |
| 2871 | s-ino Ajman Ĥamitova | Uralsk | Kazaĥio |
| 2872 | s-ino Dinara Baradosova | Uralsk | Kazaĥio |
| 2873 | s-ino Ekaterina Lajkova | Razvilka | Rusio |
| 2874 | s-ino Olga Nikiŝina | Moskvo | Rusio |
| 2875 | s-ino Irina Mokzecova | Moskvo | Rusio |
| 2876 | s-ino Eva Ĥabarova | Krasnojarsk | Rusio |
| 2877 | s-ino Natalja Makarova | Moskvo | Rusio |
| 2878 | s-ino Tatjana Jegorova | Volgograd | Rusio |
| 2879 | s-ino Olga Ĉerniak | Moskvo | Rusio |
| 2880 | s-ro Eduard Kolosov | Volgograd | Rusio |
| 2881 | s-ro Nurik Ĥamitov | Uralsk | Kazaĥio |
| 2882 | s-ino Galina Staneŝnikova | Moskvo | Rusio |
| 2883 | s-ino Ágnes Őri | Veresegyház | Hungario |
| 2884 | s-ro Pranas Gavėnas | Alytus | Litovio |
| 2885 | s-ro Juozas Kopūstas | Panevezys | Litovio |

## Bicikle al UK

Sinjoro Oldřich Schwetter, k. n-ro 1659, alveturis al nia kongreso sur-bicikle. Ni metis al li kelkajn demandojn:

*Kiam vi ekveturis kaj de kie?*
La 4-an de julio el Havířov, urbo en Silezio (ĉeĥa parto) kun preskaŭ cent mil loĝantoj. Nia Esperanto-klubo ĉijare festas sian 40-jariĝon kaj aŭtunе gastigos konferencon de ĈEA en nia urbo.
*Kiel vi biciklis?*
La tuta vojo estas longa 480 km, sed mi ĉiutage faris proksimume 60 km kaj tranoktis sub mia tendo. El Havířov mi pedalis tra Ostrava, Opava, Krnov kaj Jeseník al intermonto Ramzová, kiu situas en alto de 760 m, kaj poste mi daŭrigis tra Vamberk al Pardubice kaj tra Kolín al Prago. La kongresejon mi atingis vendrede.
*Kia estis vetero?*
Komence eĉ tre bona, estis varmege, ĉirkaŭ 28 °C, sed poste la temperaturo sinkis al 8 - 10 °C kaj eĉ pluvis.
*Ĉu eble vi renkontis esperantistojn dumvoje?*
Jes, entute tri, el kiuj du helpis min dum pluva vetero.
*Ĉu estas sekreto viaj aĝo kaj profesio?*
Tute ne. Mi estas 70-jara kaj kompreneble pensiulo, sed dum miaj aktivaj jaroj mi instruis en lernejo gimnastikon.
*Ĉu vi intencas biciklі ankoraŭ al iu alia kongreso?*
Tion mi ankoraŭ ne scias, ĉar en mia aĝo oni neniam scias, kian sanon ni ĝuos morgaŭ.

La 15-an de julio 1996 forpasis en aĝo de 81 jaroj honora membro de ĈEA, s-ro Václav Špůr, eminenta instruanto de Esperanto, meritplena ankaŭ en iama kolegio de Doksy. Mencias lin Karel Pič en Litomišla tombejo kaj Eli Urbanová en Hetajro dancas

## Ne forgesu



Dum la tuta kongresa semajno ekde lundo ĉiuj kongresanoj povas renkontiĝi en la libroservo kun la plej amataj verkistoj.
Ĉiun tagon legu en nia kongresa kuriero pri ĝustaj horoj kaj nomoj de la ĉiutagaj verkistoj por ne maltrafi la aŭtorajn duonhorojn!

Aŭtorino **Spomenka Štimec** (Kroatio) prezentos sian verkistan laboron kadre de la literaturaj programoj de la kongreso, lundon, en la libroservo je la 15.30. Ŝi prezentos sian novan verkon „*Tena - Hejmo de Mezeŭropo*", kiun eldonis „Pro Esperanto" el Vieno. Ĉe la movada eldonejo Edistudio jus aperis la dua, plene reviziita eldono de ŝia iama romano „Ombro sur interna pejzaĝo", kiu estas disponebla en la kongresa libroservo.

## Aktualaj informoj pri ekspozicioj

La solena inaŭguro de ekspozicioj okazos lunde je la 11-a horo, kiel anoncas la Kongresa Libro, tamen ne en la **unua** etaĝo, sed en la **dua**. Dum la solena inaŭguro muzikos s-anoj Rita kaj Franz-Georg Rössler. Vi povas ĝui arton de la artistoj:

***Jiří Čelikovský (Ĝorĝiano / Čelli)*** *- pentraĵoj*
***Jaroslav Hradecký*** *- plakaĵoj*
***prof. Jiří Harcuba*** *- plakaĵoj*
***Stanislav Krajíček-Pano*** *- pentraĵoj*
***Blanka Zubová*** *- pentraĵoj*
***Jindřich Havlík*** *- grafikaĵoj*
***Rössler-Buckel Rita*** *- pentraĵoj*
***Rössler Franz-Georg*** *- pentraĵoj*



Ekspozicio de lernantoj de elementa artista lernejo, Praha,Vršovice, Bajkalská 185, instruas: Jan Nevan, instruisto de pentro-arto kaj esperantisto. La infana ekspozicio por la kongreso ricevis titolon „Babelo aŭ Babilono". Ĝi prezentas en laboraĵoj de 5 - 14jaraj lernantoj la faman miton de la Malnova Testamento kaj serĉas radikojn de interkompreniĝo inter du direktoj:

a) artista,
b) lingva.

Laŭ Biblio signifas *Babelo* konfuzon, sed en la realo en la babilona lingvo ĝi estis *pordego de dio (Babel)* aŭ *pordego de dioj (Babilono)*.

## ANONCO PRI FAKA GIĈETO

Dum la nuna UK funkcias tute nova servo de UEA al fakaj asocioj (FA), giĉeto senpage uzebla de ĉiu FA. Tamen ni petas, ke FA kunordigu inter si la tempon. La giĉeton vi trovos en la akceptejo (maldekstre de la informejo).

k. n-ro 306

### Atenton lundaj vesperaj ekskursantoj!

**La lunda vespera ekskurso V1** komenciĝos 30 minutojn pli frue, do jam je la 19.oo. La ekskursa servo pardonpetas pri tiu ĉi malkonvenaĵo.
**Ekskursoj S1 kaj S2** ekiros de la giĉetoj por ekskursoj, kie la biletoj estis aĉetitaj.



# Pragaj Sonoriloj

Vespera, N-ro 3


## Kongresa kuriero

### Solena inaŭguro de la kongreso

Dimanĉe ĉirkaŭ la 10-a horo antaŭtagmeze komencis kolektiĝi la kongresanoj en la salonego Zamenhof kaj je la 10.20 horo la prezidanto de UEA Lee Chong-Yeong inaŭguris la kongreson. Li rememoris, ke lastfoje Prago gastigis UK-on antaŭ 75 jaroj post la unua mondmilito. La ĉijara kongreso trovis konvenan lokon en Prago, kiam nia movado festas centjariĝon de la unua teatra prezentado en Esperanto, ĉar la kongreso okazas sub aŭspicio de Lia Moŝto, prezidento de Ĉeĥa Respubliko, Václav Havel, kiu estas fama dramverkisto.

Sekvis salutoj de la LKK-prezidanto kaj ĈEA-prezidanto Vlastimil Kočvara kaj vicurbestro de Prago s-ro Drábek, kiu esprimis esperon, ke nia kongreso gravuriĝos por ĉiam en la historion de Prago.

Mark Fettes prezentis gastojn, ambasadorojn de Litovio, Slovenio, Ukrajno, Argentino, Koreio kaj Italio kaj membrojn de la Honora Komitato. Poste la UEA-prezidanto prezentis la kongresan estraron.

Mark Fettes revenis al jaro 1921, kiam dum la 13-a UK aktivis eminenta japana diplomato, la Asista Ĝenerala Sekretario de Ligo de Nacioj, s-ro Inazo Nitobe, kiu poste tre favore raportis pri Esperanto.

Pluraj eminentuloj sendis al nia kongreso siajn salutojn kaj mesaĝojn, kiuj estis tralegitaj kaj kies tekstojn ni espereble ankoraŭ aperigos en la kuriero. Temas pri Václav Havel, prezidento de Ĉeĥa Respubliko, Boutros Boutros-Ghali, Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, Federico Mayor, Ĝenerala Direktoro de Unesko, kaj kardinalo Miloslav Vlk, ĉefepiskopo de Prago.

Post violona interludo kun komponaĵo *Radužo kaj Mahulena* de la ĉeĥa komponisto Josef Suk, kiun prezentis violonisto s-ano Jan Duda kaj pianisto Jan Zimmel skizis Ĵak de Puil la kongresan temon: „Kulturo - ĉu valoro aŭ varo?" S-ino Michela Lipari invitis la kongresanojn al multegaj prelegoj kaj kursoj, kiujn la kongreso proponas por tiu ĉi semajno.

Bulgara teatra grupo ĝuigis la salonegon per sia fragmento el teatraĵo La unua brandfaristo de Leo Tolstoj, kio estis la jam aludita unua teatraĵo en Esperanto antaŭ cent jaroj.

Mark Fettes tralegis novan dokumenton, Manifeston de Prago, kies tekston ni publikigas sube, kaj petis ĉiujn samideanojn subskribi la manifeston, kiu estos je dispono en la informejo.

Tre solena momento de la inaŭguro estis proklamo de kvin novaj Honoraj Membroj de UEA: s-ino Marie Bartovská, Ĉeĥio, pro terminara laboro en teksa fako (ŝi ankaŭ tradukas el la ĉeĥa literaturo), s-ro Zef Mjeda, Albanio, pro lernolibroj kaj instruado, s-ino Eli Urbanová, Ĉeĥio, poetino kaj verkistino, kaj aktorinoj, s-ino Belka Beleva el Bulgario kaj s-ino Eva Seemannová el Ĉeĥio.

Tre belan saluton jak ankaŭ kontribuon al la ĉefa kongresa temo sendis al la kongreso nepo de la Majstro, d-ro Luis Zamenhof-Zaleski.

La prezidanto de UEA, s-ro Lee Chong-Yeong, substrekis en sia ĉefa parolado la demokratian karakteron de Esperanto-movado, kiu klopodas helpi al lingve malfortaj nacioj kaj konservi ĉies lingvojn sub devizo „unueco en diverseco.“

Reprezentanto de TEJO prezentis novan eldonon de kajero Pasporta Servo 96/97. Sekvis preskaŭ kvindeko da landaj reprezentantoj kun salutoj en la nomo de siaj landaj asocioj. Reprezentanto de Kamerunio ne povis veni, ĉar dumvoje li estis forkaptita de fremdaj soldatoj. El nove aliĝintaj landaj asocioj. Bharata (Hindio) kaj Vjetnama, salutis la kongresanojn la Vjetnama.

La solenan inaŭguron finis la himno *La Espero*.

## Manifesto de Prago

**de la movado por la internacia lingvo Esperanto**

Ni, anoj de la tutmonda movado por la progresigo de Esperanto, *direktas* ĉi tiun manifeston al ĉiuj registaroj, internaciaj organizoj, kaj homoj de bona volo, *deklaras* nian intencon firmvole plulabori por la celoj ĉi tie esprimitaj, kaj invitas ĉiun unuopan organizaĵon kaj homon aliĝi al nia strebado.

Lanĉita en 1887 kiel projekto de helplingvo por internacia komunikado, kaj rapide evoluinta en vivoplenan, nuancoriĉan lingvon, Esperanto jam de pli ol jarcento funkcias por kunligi homojn trans lingvaj kaj kulturaj baroj. Intertempe la celoj de ĝiaj parolantoj ne perdis gravecon kaj aktualecon. Nek la tutmonda uzado de kelkaj naciaj lingvoj, nek progresoj en la komunikad-tekniko, nek la malkovro de novaj metodoj de lingvo-instruado verŝajne realigos jenajn principojn, kiujn ni konsideras esencaj por justa kaj efika lingva ordo.

1. **Demokratio**. Komunika sistemo, kiu tutvive privilegias iujn homojn, sed postulas de aliaj, ke ili investu jarojn da penoj por atingi malpli altan gradon de kapablo, estas fundamente maldemokratia. Kvankam, kiel ĉiu lingvo, Esperanto ne estas perfekta, ĝi ege superas ĉiun rivalon en la sfero de egaleca tutmonda komunikado.

*Ni asertas ke lingva malegaleco sekvigas komunikan malegalecon je ĉiuj niveloj, inkluzive de la internacia nivelo. Ni estas movado por demokratia komunikado.*

2. **Transnacia edukado**. Ĉiu etna lingvo estas ligita al difinita kulturo kaj naci(ar)o. Ekzemple la lernejano kiu studas la anglan lernas pri la kulturo, geografio kaj politiko de la anglalingvaj landoj, precipe Usono kaj Britio. La lernejano kiu studas Esperanton lernas pri mondo sen limoj, en kiu ĉiu lando prezentiĝas kiel hejmo.

*Ni asertas ke la edukado per iu ajn etna lingvo estas ligita al difinita perspektivo pri la mondo. Ni estas movado por transnacia edukado.*

3. **Pedagogia efikeco**. Nur malgranda procentaĵo el tiuj, kiuj studas fremdan lingvon, ekmastras ĝin. Plena posedo de Esperanto eblas eĉ per memstudado. Diversaj studoj raportis propedeŭtikajn efikojn al la lernado de aliaj lingvoj. Oni ankaŭ rekomendas Esperanton kiel kernan eron en kursoj por la lingva konsciigo de lernantoj.

*Ni asertas ke la malfacileco de la etnaj lingvoj ĉiam prezentos obstaklon por multaj lernantoj, kiuj tamen profitus el la scio de dua lingvo. Ni estas movado por efika lingvoinstruado.*

4. **Plurlingveco**. La Esperanto-komunumo estas unu el malmultaj mondskalaj lingvokomunumoj kies parolantoj estas senescepte du- aŭ plurlingvaj. Ĉiu komunumano akceptis la taskon lerni almenaŭ unu fremdan lingvon ĝis parola grado. Multokaze tio kondukas al la scio de kaj amo al pluraj lingvoj kaj ĝenerale al pli vasta persona horizonto.

Ni asertas ke la anoj de ĉiuj lingvoj, grandaj kaj malgrandaj, devus disponi pri reala ŝanco por alproprigi duan lingvon ĝis alta komunika nivelo. Ni estas movado por la provizo de tiu ŝanco.

5. **Lingvaj rajtoj**. La malegala disdivido de potenco inter la lingvoj estas recepto por konstanta lingva malsekureco, aŭ rekta lingva subpremado, ĉe granda parto de la monda loĝantaro. En la Esperanto-komunumo, la anoj de lingvoj grandaj kaj malgrandaj, oficialaj kaj neoficialaj, kunvenas sur neŭtrala tereno, dank' al la reciproka volo kompromisi. Tia ekvilibro inter lingvaj rajtoj kaj respondecoj liveras precedencon por evoluigi kaj pritaksi aliajn solvojn al la lingva malegaleco kaj lingvaj konfliktoj.

Ni asertas ke la vastaj potencodiferencoj inter la lingvoj subfosas la garantiojn, esprimitajn en tiom da internaciaj dokumentoj, de egaleca traktado sendistinge pri la lingvo. Ni estas movado por lingvaj rajtoj.

6. **Lingva diverseco**. La naciaj registaroj emas konsideri la grandan diversecon de lingvoj en la mondo kiel baron al komunikado kaj evoluigo. Por la Esperanto-komunumo, tamen, la lingva diverseco estas konstanta kaj

nemalhavebla fonto de riĉeco. Sekve, ĉiu lingvo, kiel ĉiu vivaĵospecio, estas valora jam pro si mem kaj inda je protektado kaj subtenado.

Ni asertas ke la politiko de komunikado kaj evoluigo, se ĝi ne estas bazita sur respekto al kaj subteno de ĉiuj lingvoj, kondamnas al formorto la plimulton de la lingvoj de la mondo. Ni estas movado por lingva diverseco.

7. **Homa emancipiĝo.** Ĉiu lingvo liberigas kaj malliberigas siajn anojn, donante al ili la povon komuniki inter si, barante la komunikadon kun aliaj. Planita kiel universala komunikilo, Esperanto estas unu la la grandaj funkciantaj projektoj de la homa emancipiĝo - projekto por ebligi al ĉiu homo partopreni kiel individuo en la homara komunumo, kun firmaj radikoj ĉe sia loka kultura kaj lingva identeco, sed ne limigite de ili.

Ni asertas ke la ekskluziva uzado de naciaj lingvoj neeviteble starigas barojn al la liberecoj de sinesprimado, komunikado kaj asociiĝo. Ni estas movado por la homa emancipiĝo.

## „Heroldo de Esperanto“

Pro malsaniĝo, la redaktorino de la gazeto, Ada Fighiera-Sikorska (KN 113), ĉijare ne partoprenas en la UK. Ŝin reprezentas S-ino Spomenka Štimec. Aliflanke, la fama kongresa numero de la gazeto rapide aperos tuj post la kongreso. Ankaŭ poste, la gazeto regule aperados kiel kutime.

„Heroldo de Esperanto“ abonebla favorpreze. La kongresanoj, kiuj deziras aboni aŭ reaboni la internacian gazeton „Heroldo de Esperanto“ (aperanta de 1920) por 1997 povas pagi dum la Kongreso al la reprezentantino Spomenka Štimec (Numero 2149) laŭ la malnovaj tarifoj 1996, ŝparante 15%-an plialtigon, kiu validos por la venonta jaro. La tutnovaj abonantoj 1997 (nome tiuj, kiuj ne abonis en la nuna jaro) krome ricevos senpage la gazeton de post UK ĝis la fino de la kuranta jaro.

**Nova prospekto de la urbo Zagreb**

Zagreb (Kroatio) havas novan prospekton de la urbo en Esperanto. Se inter multaj kongresaj paperoj vi sukcesos maltrafi ian ekzempleron, ne hezitu peti ĝin, post la kongreso, senpage ĉe la distribuanto Kroatia Esperanto-Ligo, Amruševa 5, HR 10000 Zagreb, Kroatio.

**Anonco pri la aŭtoraj duonhoroj:**

Kadre de la literaturaj programoj hodiaŭ je la 11,30 en la libroservo prezentos sian verkaron William Auld.

# Pragaj Sonoriloj

Materaj. N-ro 4


## Kongresa kuriero

## Salutletero de prezidento de Ĉeĥa respubliko:

*Estimataj geamikoj,*

*permesu al mi saluti la 81-an Universalan Kongreson de Esperanto, kies celo – la klopodo pri reciproka interkompreniĝo inter membroj de diversaj nacioj kaj kulturoj – estas por mi aparte proksima. Similaj temoj, kiel tiu, min ĉiam interesis.*

*Mi kredas, ke viaj traktadoj helpos krei klimaton de reciproka kompreno, aktiva agado kaj respekto kaj tiel formi inteligentan medion, kiu povas ŝovi la homaron pli al ideala celo: kunvivado de ĉiuj en paco kaj harmonio.*

*Mi deziras al via kongreso bonan atmosferon.*

*Václav Havel*

### Raportoj pri la unuaj tagoj

En salono de ekspozicioj en 1-a etaĝo de Kongresejo jam sabate ekfunkciis **Libroservo**, kiu allokas interesantojn je literaturo originala kaj tradukita, oni povas aĉeti ĉi tie lernolibrojn, vortarojn kaj kazetojn.

En la salono Hodler sabate okazis unua **Seminario pri lingvopolitiko** de d-ro Detlev Blanke el Germanujo. Dum kongreso certe efektiviĝos multaj diskutoj al tiu ĉi temo.

### Randevua tabulo

estas ege ŝatata kaj elserĉata de kongresanoj ĉiam en kongresoj. Estas plenplena da randevuaj anoncoj. Ĝi ĉiam promesas ligi bonajn kontaktojn kaj fidelajn amikecojn.

### Internacia infana kongreseto

44 infanoj de 22 landoj, esperante parolantaj, 7 - 15 aĝaj , forveturis al sia kongreseto en Rabyně apud Slapy. Kongreseton gvidas prof. Christopher Fettes (Irlando), profesoro el Dublino, Ĉeĥa gvidantino estas Mgr.Vlasta Janíková.

Dum la kongreso okazis la unua kunveno de Tutmonda Agado de Esperantistoj Nefumantaj kun 33 partoprenantoj kaj kunveno de Asocio por la Enkonduko de Nova Biologia Nomenklaturo kun interesatoj.

## „Racia kooperado ne eblas ekster ekvilibro", diras profesoro Selten

Dimanĉe posttagmeze okazis prelego de Nobel-premiito pri ekonomio, prof. Selten pri Ludoteorio kaj ĝiaj aplikoj en biologio kaj ekonomio. Prof. Selten esperantistiĝis en 1946 kaj estas dumviva membro de UEA. En sia prelego li klarigis, ke ludo-teorio matematike modeligas kaj analizas celkonforman (ĉiu aganto havas propran celon) interagon en konflikto kaj kooperado. Li atentigis, ke la ludo-teorio ne traktas, kiel gajni ludante ruleton aŭ pokeron, kaj ankaŭ ne konsilas kiel riĉiĝi per borsa spekulado.

Utilas por ĝeneralaj konkludoj pri la logiko de strategia interago. Aplikoj al teorioj: ekonomia, politika, milit-scienca kaj biologia evolu-teorio. Praktikaj aplikoj por projektado de sociaj kaj ekonomiaj mekanismoj, ekz. de aŭkcioj. Racia kooperado fakte ne eblas ekster ekvilibro, sed trovi ekvilibron en iuj ludoj estas tre malfacile. Li prezentis ekzemplojn pri ŝtelisto kaj gardisto. Poste li parolis pri teorioj de signalado kaj handikap-principo. Ni notis ankoraŭ jenajn interesajn frazojn.

„Homaj kapabloj de pensado kaj kalkulado ne estas senlimaj, tial homa racieco estas limigita."

„Homaj motivoj estas malpli memcentritaj ol oni kutime supozas en ekonomiaj teorioj."

Teorio de lingvaj ludoj -
ĉu mi lernu Esperanton?

Kompleta kurso de la *Nobelpremiito Prof. Reinhard Selten* pri la temo okazos kadre de la 16-a studadsesio de la Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS) *merkrede, la 24-an de julio, en hotelo Forum* (tuj apud la kongresejo), *je la 9-a h*, komencante per la solena inaŭguro de la AIS-studadsesio. Post la prelego Prof. Selten subskribados sian libron pri la temo

Teorio de lingvaj ludoj -
ĉu mi lernu Esperanton?

## Fondiĝis la Asocio de Sociallaboristoj Esperantistaj

La 21an de julio fondiĝis la Asocio de Sociallaboristoj Esperantistaj. Al la celoj apartenas i.a. la interŝanĝo de spertoj inter tiuj, kiuj laboras en la vasta sociala kampo kaj la disvastigo de Esperanto inter iliaj kolegoj.

La dua kunveno de la nova faka asocio de ili okazos lunde, la 22an de julio, dum la bankeda tempo, de 18a ĝis 20a horo, en la kafejo en la tria etaĝo. Sociallaborantoj, interesitoj, volontuloj... kiuj emas kontribui per ideoj, agemo aŭ eksterordinaraj novaj projektoj, ne maltrafu la okazon, ĉeestu!

**Helpu naskiĝi novan Eŭroregionon- la Baltmaro.** Diskutrondo pri baltmara kunlaboro okazos ĵaŭde je la 18.00 en la trinkejo de dua etaĝo. Por la Baltmara kunlaboro ni serĉas novan simbolon. Bonvolu sendi viajn proponojn al la adreso: Christian Darbellay, Kaiserstrasse 43, D-24143 Kiel, Germanio. Limdato: 30. 10. 1996. La akceptita simbolo ricevos premion: 100,- DM.

## OSIEK-premio 1996 al Paŭlo Gubbins

La verko Kunvojaĝu ricevis la preferon de la membroj de OSIEK ĉeestintaj la ĉijaran konferencon en Poprad. Pasintjare la Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj premiis Donald Broadribb pro lia traduko el Platono. Ankaŭ ĉijare la balotado estis favora al tradukinto, sed ankoraŭ pli al aŭtoro de lernolibro tre praktika, ĉie ajn uzebla de ĉiu.
Jam eblas (re)membriĝi en OSIEK por proponi premiindajn verkojn: la venontjara balotado okazos en Grekio dum la Internacia Esperanto-Konferenco 1997 kies prelega kaj diskuta temo estas: Helenaj influoj en la mondkulturo. (ĉe Bruno Masala, KN 257)

**TAGO DE LERNEJO**

En la unua numero de *Pragaj somerIloj*, paĝo 7, estis artikolo pri la Tago de la Lernejo. Temis pri la prezento de Cseh-metoda leciono kun uzo de Mazi-filmo kaj parolo de Andrzej Pettyn pri memlernado de Esperanto per radioelsendoj.
La programo por la Tago de la Lernejo, kiu okazos je la 10,15 horo mardon en Karolo Piĉ (3-a etaĝo), ankaŭ enhavos almenaŭ du aliajn prezentaĵojn. Vlasta Janaková kaj Miroslav Malovec parolos pri la instruado de Esperanto en la Ĉeĥa edukSistemo, kaj Lucy HARMON informos nin pri nova 15-leciona vidbenda kurso produktada en Usono.

Atilio Arellano Rojas, Kunordiganto por la Tago de la lernejo

## Poŝtistoj kaj telekomunikistoj kunvenis

La 26-a ĉefkunveno de la Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA) okazis dimanĉe, la 21-an de julio 1996. Prezidis ĝin la prezidanto de IPTEA s-ro Draguŝko Petrov el Bulgario kaj partoprenis ĝin 18 personoj el 8 landoj. Prezidanto, s-ano Petrov, parolis pri la 30-jara historio de IPTEA. Dipl. inĝ. Veikko Mäki prelegis pri poŝtaj kaj telekomunikaj servoj en Finlando. Okazis ankaŭ vigla disputo pri la du vortaroj de la telekomunika terminaro.
Poste okazis la elekto de la nova prezidanto de IPTEA kaj estis elektita la ĝisnuna vicprezidanto, dipl. inĝ. Veikko Mäki.

**Medicinistoj bv. atentu!**

Pro neeviteblaj programŝanĝoj la kunsido de UMEA, marde devos komenciĝi pli malfrue: je la 12.15 kaj daŭros ĝis la 13.45. LKK pardonpetas pro la malkonvenaĵo.



## ATENTU pri la aŭtoraj duonhoroj!

**Hodiaŭ** vi povas viziti renkontiĝojn kun:

- je la 11.30 kun William Auld
- je la 15.30 kun Spomenka Štimec

**Marde** vi povas en la kongresa Libroservo renkontiĝi kun eminentaj aŭtorinoj kaj ŝatataj poetinoj:

- je la 11.30 kun Marjorie Boulton
- je la 14.00 kun Eli Urbanová

## Kongresa poŝtejo



stampas sendaĵojn el la kongresejo per la bela stampaĵo, kiun vi vidas sur la bildo. La preĝejo kun longaj pintaj turoj estas t. n. „Emaŭzoj", interesa kombino de la antikva arkitekturo (la preĝejo) kun la moderna (la turoj).

## Tombolo dum balo

Ne forgesu aĉeti biletojn por tombolo, kiu efektiviĝos dum la lunda vespera balo!

## Komitato jam kunsidis

en sabato posttagmeze kaj inter la plej gravaj decidoj mi mencias la akcepton de du novaj landaj asocioj. Vjetnama Esperanto-Asocio kaj Esperanto-Federacio de Bharato. Kiel aliĝinta faka asocio akceptiĝis ankaŭ la filatelista. Kaj estas subskribitaj kunlaboraj kontraktoj kun Amikaro de Bruno Gröning, Spirita Asocio Lorenc, Parolsjura Movado kaj Asocio de Esperantistaj Handikapuloj.

La Komitato akceptis la demision de s-ro Mark Fettes de la posteno de ĝenerala sekretario, kaj elektis kiel novan ĝeneralan sekretarion de UEA s-inon Michela Lipari.

**Flávio Fonseca kaj lia muzikgrupo koncertos dum la 81-a UK apogite de Brazila ministerio pri kulturo.**

*Jorgos, kiu jam biciklis al pluraj UK-oj el suda Francio, ĉifoje venis kun nova surprizo: la plej juna kongresanino Jasmin' estas lia filino donacita. Bonfartas patrino Jani. Dankon!*

Pragaj Sonoriloj

Vesperaj, N-ro 5

## Kongresa kuriero, lundo, 22. 7. 1996

### Finiĝis „Nia 62-a"

En la tagoj de la 13-a ĝis la 25-a de julio, en la kadro de la 81-a UK, okazis en la praga hotelo Vltava jam la 62-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj (IKBE). Ĝin partoprenis 95 personoj el 18 landoj de Eŭropo, Azio kaj Ameriko. La plej nombra delegacio alveturis el Rusio (ĉirkaŭ 30). La 62-a IKBE okazis ĝuste 75 jarojn postkiam, samtempe kun la 13-a UK en Prago, okazis la unua Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj. La laborteno de la ĉi-jara kongreso estis: Blindaj esperantistoj kaj la ĝenerala blindulmovado. Dum la kvin labortagoj la kongresanoj klopodis serĉi vojon, kiamaniere pligrandigi la rolon de la internacia lingvo en la landaj, eŭropaj kaj mondaj blindulorganizaĵoj.

La partoprenantoj povis aŭskulti prelegojn pri porblindulaj temoj, estis informitaj pri la ĉeĥa kulturo kaj muziko speciale, promenis tra la historiaj kvartaloj de Prago kaj aŭskultis eĉ tute kvar koncertojn. Dum la tuttaga ekskurso la gekongresanoj vizitis la moravian urbon Olomouc. Ne mankis ankaŭ arta vespero, dum kiu multaj partoprenintoj prezentis siajn seriozajn kaj amuzajn programerojn.

La nedisigebla parto de ĉiu blindulkongreso fariĝis kunsidoj de Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj (LIBE), kaj ankaŭ ĉi-jare ĉi tiu organizaĵo havis dum la kongreso siajn du laborkunsidojn.

Komprenebie, tiun grandan aranĝon la blindulsekcio de Ĉeĥa E-Asocio ne povis efektivigi nur per siaj fortoj. Finance prenis sur sin la respondecon Unuiĝinta Asocio de Nevidantoj kaj Malfortevidantoj, kiu transprenis ankaŭ multajn organizajn taskojn. Multe kaj efike helpis ankaŭ geanoj de la E-klubo en Praha, precipe ĉe akompano de blindaj partoprenintoj.

Kiel decidis la dua laborkunsido de LIBE, la venonta kongreso de blindaj esperantistoj okazos venontjare en Ukrainio.

Jiří Vychodil,
prezidanto de la Blindulsekcio de ĈEA

**La LIBE- kunsidoj** (LIBE - Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj) traktis i.a. pri la planata Seminario pri brajla skribo, okazonta februare '97 en Svislando. Invititaj estas krom esperantistoj-fakuloj ankaŭ eksteraj instancoj. Esperanto estos unu el la laborlingvoj.

Vizito al la instanco pri teknikaj blindulhelpiloj mirigis la ekskursanojn pro la avangarda ilaro jam uzata en Ĉeĥio, i.a. voĉilo de butikaj enirejoj kaj fak-nomoj, stacidomaj lokoj, kaj eĉ surtramaj numeroj kaj enirej-indikiloj, percepteblaj per enmana sensoro distanca.

La internaciaj ekzamenoj de UEA kaj ILEI liveris sep diplomojn.

Neordinare belaj estis la brajlaj kongresdokumentoj; elstara libro „Kun blanka bastono", verkita de karmemora Rudolf Krchňák, forpasinta ĉi-januare. Dufoje aŭdiĝis la voĉo de la antaŭa redaktoro de „Esperanta Ligilo", honora membro de UEA kaj LIBE, Raymond Gonin, kiu kasede salutis la kongreson kaj la LIBE-kunvenon, memorigante la unuan kongreson de blindaj esperantistoj ĝuste antaŭ 75 jaroj en Prago.

Nora Moerbeek, sekr. de LIBE

## Kaj tuj post Prago: Internacia Junulara Kongreso!

Se vi ankoraŭ ne aliĝis al IJK 1996 en Germanio, ne estas granda problemo. Aliĝi eblas ĝis vendredo (26.07.) ĉe la TEJO-giĉeto en la vestiblo. Tiu plej granda junulara Esperanto-aranĝo en ĉarma regiono fariĝos la kulmino de via Esperanto-somero 1996! La kotizoj memkompreneble varias laŭ via lando kaj aĝo. Via kotizo inkluzivas manĝaĵon, asekuron, programon, koncertojn kaj ekskurson. Informiĝu pri la kotizoj ĉe la giĉeto.

Cetere, se vi ne volas vojaĝi sole, TEJO organizas busvojaĝon de Prago al la IJK-urbo Güntersberge. Sed ni ankaŭ povas provizi vin per informoj pri trajnligoj. Do, neniam estis pli facila aliĝi al kaj atingi IJKon. Trafu la okazon kaj festu kun ni!

viaj TEJOGEJ

## Parnasa tombejo de Vyšehrad

troviĝas proksime de la kongresejo. Tie ripozas geniuloj de la ĉeĥa kulturo kiel komponistoj Bedřich SMETANA (1824 - 1884) kaj Antonín DVOŘÁK (1841 - 1904), verkistoj Božena NĚMCOVÁ (1820 - 1862), Svatopluk ČECH (1846 - 1908) kaj Karel ČAPEK (1890 - 1938) aŭ skulptisto Josef Václav MYSLBEK (1848-1922), kies rajdistan statuon Sankta Venceslao vi povas admiri sur la Venceslaa placo en la urbocentro. Inter ili en la tombo n-ro 4 trovis honoran lokon ankaŭ esperantisto Karel Emanuel MACAN (1858 - 1925), blindulo, muzika komponisto kaj instruisto de blinduloj, fondinto de SOČNE (Societo de ĉeĥoslovakaj nevidantaj esperantistoj) kaj de punktoskriba gazeto Aŭroro. En lia muzika postlasaĵo aperas 12 kantoj Malgaja amo, piankomponaĵoj Juna amo, Ĉe Jalilo, Tri momentaj scenoj, vir-ĥoro Kozaka marŝo, melodramo Amaris k.a.

-jm-






**Se vi planas promenon tra Prago, ne forgesu aĉeti tiu ĉi poŝ-atlason eldonitan en Esperanto ĝuste por UK en Prago, kiu enhavas la urboplanon. Ĝi estas havebla ĉe kongresaj giĉetoj kaj kostas nur ne grandan sumon!**

## FOTOSERVO

**jam komencis labori por vi.**
**1 foto - 15,- CZK**
**Vi povas trovi ĝin ĉe la centra rondelo de giĉetoj.**

Kun granda sukceso efektiviĝis la unua eldono de **Aŭtoraj duonhoroj en Libroservo** kun la ĉeesto de William Auld. Sesdeko da ĉeestantoj demandis la faman aŭtoron kaj tradukiston ĉefe pri lia tradukado de la Tolkien-trilogio „La Mastro de l'Ringoj", kies du unuaj volumoj: „La Kunularo de l'Ringoj" kaj „La du turegoj" jam estas haveblaj en la kongresa libroservo.

**Jarkunveno de ISAE** (Internacia Scienca Asocio Esperantista) efektiviĝos marde je la 10,45 en salono Pumpr. Traktado pri la asociaj aferoj kun rerigardo al la 90-jara historio de ISAE daŭros ĉ. 1 horo.
Je la 12.00 komencas **Kolokvo kun sciencaj referajoj:**
**Prof. D-ro H. Eichner,** Universitato Vieno, *„Novaj aspektoj de la plej frua Literatura tradicio en antikva Italio"* (prelego kun lumbildoj)
**D-ro M. Westermayer**, AVE, *„Reciklado de uzitaj baterioj"*
**D-ro Yamasaki Seiko**, Akademio de Esperanto, *„La rolo de ISAE kaj Scienca Revuo en mondo de specialiĝitaj sciencoj"*
**D-ro W. Opoka**, ĝenerala sekr. de Universala Medicina Esperantista Asocio, „Aktualaj eblecoj de rilatoj kaj kunlaboro en natursciencaj fakoj".

## Aldono de la kvina Kongresa Kuriero - Lundo, 22.7.1996

**Pola Radio kvar fojojn tage pri la 81a UK**

De sabata mateno en la kongresejo estas videblaj du raportistoj de la Esperanto-Redakcio de Pola Radio - *Barbara Pietrzak* kaj *Andrzej Pettyn*. La raportistoj ĉiutage sendas al Varsovio sonmaterialojn pri la tuttagaj kongresaj debatoj kaj ankaŭ surbendigas amason da intervjuoj pri diversaj kunvenoj. Ekz. Oni surbendigis la tutan sabatan seminarion pri lingvopolitiko kaj same oni surbendigos la esperantologian konferencon por aŭdigo jam post la kongresa semajno. Per tio la praga kongreso longe plu vivos en la radioelsendoj ankaŭ en la aŭtuna kaj vintra periodoj.

Por la unua fojo Pola Radio sendis al UK okazanta eksterlande eĉ du raportistojn, kio montras, ke en Pollando oni donas rimarkindan atenton al la radioinformado per E-o. Ĝuste la radioaferojn oni traktos dum speciala kunveno de AERA kaj aŭskultantoj de diversaj radiostacioj uzantaj E-on - **ĵaŭde je la 13a h. en la salono Vondroušek**. AERA kaj TEĴA-komisiono pri radioaferoj invitas ĉiujn, kiuj interesiĝas pri radio kaj Esperanto veni kaj diskuti kaj ankaŭ interŝanĝi spertojn pri radioaŭskultado.

**Malaperis bedaŭrinde la granda mapo de Adelaide.** Tiel nun ne eblas montri al interesemuloj la urbon nek loĝejojn nek kongresejon. Tio kiu forprenis tiun gravan helpilon pri la 82-a UKE, bonvolu redoni kiel eble plej rapide ĉe la budo de la 82-a UKE Adelaide.

La familio de ekspoziciantoj estis lastmomente pliriĉigita je **Morteza Habibpur**.

Ni prezentas lian grafikaĵon „Esperiestro Plumo". Morteza Habibpur naskiĝis en la jaro 1935 en Port Anzali - Irano. Li studis persan literaturon kaj pentraĵojn en Irano kaj en eksterlando. Nun li instruas pentrajon en oficialaj ŝtataj centroj kaj en persona laborejo en Teherano. Esperanton li komencis lerni antaŭ du jaroj.



## La tria aldono de la listo de kongresanoj - 96-07-22

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2886 | s-ro Algimantas Piliponis | Vilnius | Litovio |
| 2887 | s-ino Sigita Piliponytė | Vilnius | Litovio |
| 2888 | s-ro Gedimınas Degėsys | Alvius | Litovio |
| 2889 | s-ro Hermann Herx | Wittlich | Germanio |
| 2890 | s-ino Erika Herx-Rittel | Wittlich | Germanio |
| 2891 | s-ro Tadeusz Marian Chrobak | Koziegłowy | Pollando |
| 2892 | s-ro Roberto Haddon | London | Anglio |
| 2893 | s-ro Hans Welling | Hasbergen | Germanio |
| 2894 | s-ino Olga Gončenko | Murmanska regiono | Rusio |
| 2895 | s-ro Miroslav Majerský | Nové Město n. Met. | Ĉeĥio |
| 2896 | s-ro Lukáš Daněk | Brno | Ĉeĥio |
| 2897 | s-ino Elisabeth Marie Chevronnet | Bourgs Maurice | Francio |
| 2898 | s-ino Frederique Chevronnet | Bourgs Maurice | Francio |
| 2899 | s-ro Ulrich Ender | München | Germanio |
| 2900 | s-ro Václav Lamr | Praha | Ĉeĥio |
| 2901 | s-ino Libuše Krejči | Bludov | Ĉeĥio |
| 2902 | s-ro Libuše Krejči | Bludov | Ĉeĥio |
| 2903 | s-ino Chiara Fabbri | Torino | Italio |
| 2904 | s-ino Eila Maria Karvinen | Helsinki | Finnlando |
| 2905 | s-ro Dante Omar Diaz | Chamical-Lariom | Argentino |
| 2906 | s-ro Edmund Grimley Evans | Cambridge | Britio |
| 2907 | s-ro Janek Hender | Kohlheim-Teek | Germanio |
| 2908 | s-ro Paulo Kaščák | Bratislava | Slovakio |
| 2909 | s-ro Koffi Vignon Hova | Cama | Togolando |
| 2910 | s-ro Dante Chienco | Vicenzo | Italio |
| 2911 | s-ro Maciej Wnuk | Warszawa | Pollando |
| 2912 | s-ino Fatemeh Haji Soiat | Tehran | Irano |
| 2913 | s-ino Barbara Brandenburg | Bruxelles | Belgio |
| 2914 | s-ro Ulrich Brandenburg | Bruxelles | Belgio |
| 2915 | s-ino Heike Brandenburg | Bruxelles | Belgio |
| 2916 | s-ino Nadia Terrinoni | Romo | Italio |
| 2917 | s-ino Maja Tišljar | Velika Gorica | Kroatio |
| 2918 | s-ino Ieva Matisone | Lupaja | Latvio |
| 2919 | s-ro Antony Rawlinson | London | Britio |
| 2920 | s-ino Judita Cirtautiene | Vilnius | Liaosio |
| 2921 | s-ino Gema Galvydyte | Vilnius | Litovio |
| 2922 | s-ro Cameron Sackey | Mamprobi | Ganao |
| 2923 | s-ro Jacob Eddhley-Addy | Mamprobi | Ganao |
| 2924 | s-ino Rena Gieorgvieva | Plovdiv | Bulgario |
| 2925 | s-ro Eugen Macko | München | Germaon |
| 2926 | s-ro H.-Jürgen Foth | Neubrandenburg | Germanus |
| 2927 | s-ro Dr Wolfgang M Schwarz | Dresden | Germano |
| 2928 | s-ro Krisztián Borzák | Kecskemét | Hungario |
| 2929 | s-ro László Szilvási | Budapest | Hungario |
| 2930 | s-ino Akiko Hirata | Tokio | Japanio |
| 2931 | s-ro Katsutaka Kado | Amakawa | Japanio |
| 2932 | s-ro Boualem Trari | Mascara | Alĝerio |
| 2933 | s-ro Mehmed Jakupović | Rijeka | Kroatio |
| 2934 | s-ro Lun Ai | Stuttgart | Germanio |

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2935 | s-ino Liana Elašvili | Bat-Jamo | Izraelo |
| 2936 | s-ro Arpad Borsi | Budapest | Hungario |
| 2937 | s-ino Vera Borsi | Budapest | Hungario |
| 2938 | s-ro Charles Rowe | London | Britio |
| 2939 | s-ino Naoyo Rowe | London | Britio |
| 2940 | s-ro Egon Karweth | Cottbus | Germanio |
| 2941 | s-ro Michael Karpati | Rišonle Cijon | Izraelo |
| 2942 | s-ino Giuseffina Savastano | Napoli | Italio |
| 2943 | s-ro Guillem Nicolas Larruy | Barcelono | Hispanio |
| 2944 | s-ino Dr. Janosne Gujàs | Szeknard | Hungario |
| 2945 | s-ino Lajosne Pataki | Budapest | Hungario |
| 2946 | s-ino Ina Tautorat | | Hungario |
| 2947 | s-ro Peter Rattiste | Tallinn | Estonio |
| 2948 | s-ro August Kilk | Vesu | Estonio |
| 2949 | s-ino Martina Gazdek | Dubravica | Kroatio |
| 2950 | s-ino Aniko Meszaros | Budapest | Hungario |
| 2951 | s-ro Balazs Meszaros | Budapest | Hungario |
| 2952 | s-ino Olja Lineckaja | Kijev | Ukrainio |
| 2953 | s-ro Damir Malkoč | Osijek | Kroatio |
| 2954 | s-ro Karel Gleisner | Praha | Ĉehio |
| 2955 | s-ino Katrin Pavlov | Laagri | Estonio |
| 2956 | s-ro Andrius Skiezgelas | Klaipeda | Litovio |
| 2957 | s-ro Frank Huber | Jockgrim | Germanio |
| 2958 | s-ro Wilfried Bethge | Bremen | Germanio |
| 2959 | s-ino Natalia Černjuk | Hmelnickij | Ukrainio |
| 2960 | s-ro Christian Lavarenne | Balagve | Francio |
| 2961 | s-ro Daniel Istvan Rados | | Hungario |
| 2962 | s-ro Estácio Sardeiro | Brazilo | Brazilo |
| 2963 | s-ino Shirlene Areda Barreira | Brazilo | Brazilo |
| 2964 | s-ino Amélia Pinheiro | Brazilo | Brazilo |
| 2965 | s-ro Adair Vajconcelos | Brazilo | Brazilo |

**Akredititaj ĵurnalistoj, dimanĉe, 21. 07. 1996:**

| | |
|---|---|
| Andrzej Pettyn | Pola Radio Varsovio, Polando |
| Jiří Doležal | Reflex, Prago |
| Vlado Jurković | Zagreb, Kroatio |
| Janez Jug | Ljubljana, Slovenio |
| István Ertl | Revuo Esperanto |
| Gintanas Sarafinas | Vilnius, Litovio |
| Virgilius Kubilius | Vilnius, Litovio TV |
| Milan Boháček | sendependa ĵurnalisto, Usti n/L |
| David Lorenc | ČT 1, Prago |
| Karel Aksamit | sendependa ĵurnalisto, Prago |
| Alovzas Urbowas | Dienà, Litovio |

**Anonceto por la Kongresa Kuriero:**
Simo Milujević, la amortizita parto de la kongresa inventaro, post 26 sinsekvaj Universalaj Kongresoj, ĉi-jare unuafoje ĝuas malkongresi. Cetere, li bone fartas, kaj ĉi-semajne gardas la Oficejon en Roterdamo. Li reaperos en la Kongresoj denove post kelkaj jaroj, tiuj kiam vi forgesos lin. Se vi hazarde ŝuldas bildokartojn al li, jen lia privata adreso: Heemraadssingel 256 B, 3021 DR Rotterdam, Nederlando.

**Eŭro-humuro kaj sekso...**

Jen la titolo de la plej nova kaj samtempe tute nekutima libro, kiu troviĝas en la kongresa libroservo. La libron, kiun konsistigas erotikaj ŝercoj el la landoj de la Eŭropa Unio akompanas du kasedoj kun la registrita enhavo. La aŭtoro - *Doktoro Petolanto* - profesoro pri erotiko en la Universitato de Seksburgo, antaŭanoncas baldaŭan aperigon de la dua volumo de la libro, kies ekskluziva distribuanto estas la libroservo de UEA. De post la apero de *Kruko kaj Baniko el Bervalo* ĝi estas la unua ĉi-speca verko en la lingvo E-o. Oridire per erotikaj ŝercoj plej efikas lingvo-ekzercoj. La aŭtoro lanĉas la devizon *Por la E-gramatiko necesas iom da erotiko...*

-an-

## Prof. Reinhard Selten prelegas pri ludoteorio
### AIS invitas al la 16-a SUS

Dimanĉe okazis la unua parto de la universitata kurso de la Nobel-premiito Prof. Dr. Reinhard SELTEN, per kiu ankaŭ komenciĝis la IKU. Tiu kurso de la mondkonate rekonita sciencisto pri ekonomio daŭriĝos merkrede (la 24-an de julio) en la Hotelo Forum (tuj apud la kongresejo) ekde la 10-a horo – kadre de la 16-a Sanmarineca Universitata Studadsesio (SUS) de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS).

Malgraŭ, ke temas pri SUS-aranĝo, ĉiu kongresano (kun propra UK-insigno) rajtas ĝin partopreni sen aliĝo al SUS kaj sen enskribiĝo al la kurso.

De profesoro Selten aperis ankaŭ esperantlingve libro pri ludoteorio „Enkonduko en la Teorion de Lingvaj Ludoj", en kiu estas science pritraktita laŭ ekonomiaj vidpunktoj la demando, ĉu valoras lerni Esperanton. Ĉiu, kiu ŝatus havi en ĝi aŭtografon de la aŭtoro, venu merkrede je la 11-a horo (ĝis 11.45), kiam dum paŭzo inter siaj lecionoj li subskribos sian libron. Kiu ĝis nun ne sukcesis ricevi ĝin, havas ŝancon ankoraŭ bontempe aĉeti ĝin dum la merkreda tago kaj poste dum la tuta SUS-semajno (ĝis la 30-a de julio).

La dumkongresan studadsesion rajtas partopreni ĉiu (kun atestoj pri partopreno, eĉ kursekzameno), kiu regule aliĝas, ekzemple antaŭ aŭ post la solena malfermo de SUS okazonta ankaŭ merkrede (24-a de julio) en la hotelo Forum je la 9:00 horo. Gastoj, kiuj volas nur informiĝi aŭ havigi al si la programon de SUS, estas bonvenaj. Pli detalajn informojn vi povas ricevi de la senata sekretario Joanna Lewoc.

(HF/JL)

# Pragaj Sonoriloj

Matenaj N-ro 6

## Kongresa Kuriero, Mardo, la 23-an de julio 1996

**„MIA MONDO ESTU VIA MONDO" REFOJE PREZENTOTA**

Pro grandega intereso ĉe la unua prezento, okazos dua prezento de klariga videoprogramo pri la projektita 15-leciona televida kursaro VENDREDON, 26 JULIO JE 1600h en la salono BACZKAI. La 15-minuta videoprogramo montros la celulojn, instrumetodon kaj ĝeneralan etoson de la serio.

**La lastmomentaj kongresanoj:**

2966 Leon Kolesnikov, Drogobych, Ukrainio
2967 Humberto Lopes, Brazlandia, Brazilio
2968 Vilhelmo Latermano, Embres-et-Castelmaure, Francio
2969 Tatiana Rudakova, Moskva, Rusio
2970 Julinha Zoraide Feijó Pereira, Porto Alegre, Brazilio

## Novajoj de la Ekologistoj kaj Verduloj (AVE)

29 partoprenantoj ĉeestis je la renkontiĝo de la Asocio de Verduloj Esperantistaj, kio okazis lunde. Estis raporto de la sekretario, Manfred Westermayer, pri la agado enkadre de Eŭropa Federacio de Verdaj Partioj kun kiu AVE havas bonan kontakton. Tamen montriĝis je interparolado en Vieno, ke la scio pri Esperanto ne estas sufiĉe ampleksa. La AVEanoj intencas plidaŭrigi la sistemon de salut-leteroj al verdaj politikistoj en iliaj gepatraj lingvoj. La interkonatiĝo bone montris la diversecon kaj same la unuecon de la verda movado.

Oni informis pri la Aral-katastrofo pro la neracia depreno de akvo por akvumi koton-kampojn (Murodkal Rozikov) kaj pri la rusaj Aleuto-insuloj, kie laboras organizo por helpi al daŭrigebla evoluo anstataŭ troa fiŝado de la Bering-maro.

Agadpunkto estis la besto-rajto, kiun prezentis Anita Altherr, ekz-e kontraŭ taŭro-bataloj, ĉasado de migrantaj birdoj kaj plurtaga transporto de bestoj.

Nova asocio de nefumantoj instigis AVE-n plifortigi la varbadon kontraŭ la sandifektiga poluo de la aero kaj por nefumrespondeco. Post vigla diskuto de tiuj temoj informis Tatjana Anderskaja pri ekotendaro je Dnepro-delto kaj Lev Medvedev pri sia projekto Etno kaj Kulturo.

Planata estos AVE-seminario pri verda politiko en natura pejzaĝo de suda Francio fare de ges-oj Sion ĉirkaŭ la 83-a UK. AVE-renkontiĝo en Adelajde ankoraŭ estas necerta. La AVE-renkontiĝo 1997 okazos pentekoste en Stuttgart.

## Freŝdata kantaro por infan-instruado

„Vivu la kanto" estas nova kantaro, kiun pasintjare eldonis s-ro Ton Verwoerden el Nederlando. Infanoj ege ŝatas kanti kaj ludi. Kantante ili facile lernas Esperanton. Per ĉi tiu kantaro ili kantas konversaciajn kantojn, Mazi-kantojn, kurskantojn, variajn kantojn, ĉenkantojn. La kantaron ornamas muziknotoj, gitaragordoj, infandesegnaĵoj kaj didaktikaj sugestaj.

Ton Verwoerd, Luxemburghaan 545, NL-1966 HEEMSKERK

## Prelego pri saniĝado per spiritaj fortoj

Ĵaŭdon je la 15.15 estos informprelego pri saniĝado per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning en saloono Pumpe. Estos enkonduko por akcepti la sanigajn spiritajn fortojn. Krome saniĝintoj raportas pri siaj spertoj.

**La Amikaro Bruno Gröning estis akceptita de UEA estis akceptita de UEA kiel kunlaboranta faka asocio sabaton la 20-an.**

## MEDICINO DE LA SEKVONTA JARCENTO

Kio estas simpla por lernado kaj alte efektiva dum aplikado? Vi diras: „Esperanto" kaj vi pravus, sed ekzistas ankoraŭ unu prava respondo: „Su Ĝok terapio". Tion povas konfirmi pli ol 126 partoprenantoj de la Su Ĝok-terapia unua prezentado, kiu okazis dimanĉe (sekvonta – marde 15.15 h, Symoens).

Su Ĝok terapio uzas por kuracado, profilaktiko aŭ por la unua helpo konformecajn sistemojn sur manoj kaj piedoj. En la korea lingvo „su" signifas mano, „ĝok" - piedon.

La metodon malkovris korea profesoro Pak Ĉe Vu el Seulo. Ĝi baziĝas sur multnacia kaj multmiljara orient-medicina sperto, kvankam ĝi mem estas nur ĉirkaŭ dekjara. La metodo ne estas elpensita - la konformecajn sistemojn dekomence enhavas la homa korpo. Per granda Amo la Naturo kreis homon kaj donacis al li memstarajn kuracajn sistemojn, por ke li mem helpu sin. Se la homa korpo ricevas tro malmulte da natura stimulado per la konformecaj sistemoj aŭ aperas iu ekstera malsaniga kialo, homo ekmalsanas. Per diverspeca iritado de la punktoj aŭ zonoj ĉe la konformecaj sistemoj sur manoj kaj piedoj ni povas sanigi la homon .

Ni prezentis kelkajn metodojn de la unua helpo. Por interesatoj ni aranĝas konstante ankaŭ divers-nivelajn kursojn (por ne-medicinistoj 12-horajn, por kuracistoj 12-tagajn).

Ekde tiu ĉi UK ni havos eblojn apliki la metodon pere de Esperanto. Nia slogano ne estas nova: „Metodo por lingvo, lingvo por metodo". Multaj el samideanoj, kiuj spertis ĝian efektivecon, ŝatus pli profunde lerni la metodon. Ĉiuj atendas la esperantlingvan libron „Su Ĝok por ĉiuj", kiun ni eldonos dum sekvontaj 2 monatoj. Venu al la prelego marde, por ke ni interkonsentu pri nia komuna agado por la sano kaj feliĉo ne nur de esperantistaro.

Alfredas Maruŝka
KN 932, kuracisto

## Jarkunvenon de Muzika Esperanto-Ligo

aperos nova katalogo prezidis prof. Dimitar Terziev el Bulgario. Ne eblis elekti la tutan estraron de la membraro ĝojas, ke s-ro David Gaines, komponisto de Usono, konsentis esti prezidanto kaj ekde nun transpreni la eldonadon de „Muziko". Menciindas, ke baldaŭ. MEL kotizo por 1996/97 estas 15 USD, pagota ĉe Internacia Esperanto-Ĥoro, kiu ekzercas matene, salono A2, dua etaĝo (9,00-11,00 kaj 14,00-16,00).

## Kunveno de vegetaranoj

La 22-an de julio 1996 okazis la kunveno de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA). Prezidis ĝin la prezidanto s-ro Christopher Fettes. Post varma bonveno al la ĉeestantoj (70) s-ro Fettes proponis pli aktivan agadon per novaj kontaktpunktoj; li informis, ke la aktualigita Statuto, aprobita de la Membroj, ricevas aprobon de la Estraro. Vic-prezidanto s-ro Simcock prelegis pri la bovina spongiforma encelopatio, kaj sekvis komentarioj kaj sugestoj.

## *Speciala oferto - senpaga libro*

**Espero por la mondo: spirita galvanoplastiko** (aŭ: Kiel plibonigi la rilatojn inter viroj kaj virinoj). Tiuj, kiuj ne povas aĉeti tiun libron de O. M. Aivanhov, ricevos ĝin senpage por ilia E-grupo aŭ E-biblioteko. Tralegu ĝin ĉe la libroservo de UEA! Donu adresojn al KN 2707 aŭ rekte al Eldonejo PROSVETA, CH-1808 Monts-de-Corsier, Svislando.

## Kunsido de Internaci Ligo de Esperantistaj Radio-Amatoroj (ILERA)

Partoprenis 23 personoj, el la estraro ĉeestis DL1CC, DJ4PG kaj F6ILR. Ni havis la honoron akcepti la prezidanton de la ĉeĥa Radio-Amatora Asocio, OK1AGA. Nova sekretario estis elektita: N6UOW, Daĉjo, KN 1127.

Franta, OK2LS, prezentis la Specialan Esperanto-diplomon, eldonitan okaze de la 81a UK. Ĉiuj radioamatoroj kaj aŭskultantoj povas ricevi ĝin, kontaktinte kun 10 e-istaj Radio-Amatoroj de Junio ĝis Aŭgusto 1996. La venontan ILERA-bultenon n-o 55 aperigos la sudamerikanoj. Ĉiujn informojn oni sendu al la nova sekretario. Informoj haveblaj ĉe KN 68, 1127, 1585, 2191, 2764, 2893. Ofte radioamatoroj sidas en la bufedo je la 2a etaĝo.

F6ILR, J-J Noël, Kn 2764

## INTERNACIA KONGRESETO

Dimanĉe travivis infanoj kun siaj gvidantoj la unuan tagon en Parkhotelo Rabyně. La vetero estis tre bela, la medio estas simpatia. Entute vivas ĉi tie 65 partoprenantoj de la 30-a IIK, inkluzive 10 gvidantojn.

Infanoj prezentos sian muzikan programon en Kongresejo marde je la 15-a horo.

Vendrede la gepatroj vizitos Rabyně kaj travivos posttagmezon kun siaj infanoj, kiuj prezentos son en kompleta programo. La gepatroj foriros per busoj je la 14,30 kaj venos al Rabyně je la 17,30 horo. La gepatroj pagu la veturkotizon 100,- CZK ĉe la kasisto de LKK Pavel Polnický ĝis jaŭdo.

## Esperantistoj artistoj ekspozicias kongrese

Unuafoje UEA enprogramigis ankaŭ artoekspozicion en la Universalan Kongreson. Lunde je la 11-a horo estraranino M. Lipari en la ĉeesto de la artistoj kaj de ĉirkaŭ 200 artoŝatantoj solene malfermis ĝin en la vestiblo de la 2-a etaĝo. Prezentas siajn verkojn pentrajn, desegnajn, grafikajn kaj medalajn la artistoj Čelikovský, Hradecký, Harcuba, Krajíček, Zubová, Havlík kaj la geedzoj Rössler. Aldone oni povas vidi bildojn de lernantoj de la Praga elementa artista lernejo. La malfermon enkadrigis muziko de G. F. Handel kaj L. Kupkovic, prezentita flute kaj piane de Rita kaj Franz-Georg Rössler.

Dankante al UEA kaj LKK, la artistoj esprimis sian kontentiĝon pri la imponaj ekspoziciejo vidalvide de la „Ora urbo" Prago kaj pri la disponigo de taŭgaj vitrinoj kaj pendotabuloj. Estus dezirinde, ke tiaj ekspozicioj sub la aŭspicioj de la organizantoj fariĝu konstanta programero en estontaj Universalaj Kongresoj.

La ekspoziciaĵoj - cetere ĝueblaj ankaŭ flanke de ne-Esperanta publiko - estas plue viziteblaj ĝis vendredo vespere.

El la ekspoziitaj bildoj kaj pentraĵoj ni prezentas al vi la pentraĵon de s-ino Blanka Zubova.





## Kunveno de RADIO-aŭskultantoj

Se vi volas scii kiel daŭrigi la kongresan etoson kaj tujecon dum la tuta jaro, venu malkovri kiel internaciaj kaj lokaj radio-elsendoj povas komplete ŝanĝi vian fluecon en la lingvo Esperanto: partoprenu en la kunveno de radio-aŭskultantoj. Radio-redaktoroj prezentos sian laboron kaj stacion. Oni klarigos ĉiujn viajn teknikajn demandojn pri mallongaj ondoj, satelitoj, antenoj, ktp. Certe oni ankaŭ diskutos pri la utileco de tiaj elsendoj kaj kion eblas fari por helpi la disvolviĝon de Esperanto en Radio. Radio estas vivanta voĉo ankaŭ por ni Esperantistoj. Kaj pluraj ŝtatoj fakte helpas nian komunumon disponigante al ni tiun servon.

Ĵaŭde, 13a julio, 13h salono Vondroušek B2 (3a etaĝo).

Pragaj Sonoriloj

Vesperaj, N-ro 7

Kongresa Kuriero, Mardo 23.7.1996

## Belartaj konkursoj de UEA

POEZIO: 1. ne aljuĝita. 2. *En staciodomo* de Mauro Nervi, Italio; 3. *Veraj koloroj* de Anatole Taras Lubovich, Usono. Honora mencio: *Don Juan Tenorio* de Mauro Nervi. Partoprenis 50 poemoj de 22 aŭtoroj el 16 landoj.
PROZO: 1. ne aljuĝita; 2. *Bonan matenon!* de Sten Johansson, Svedio; 3. *Nokta halto* de Sten Johansson kaj *La pluŝa kato* de Cristina de'Giorgi, Italio. Partoprenis 26 verkoj de 18 aŭtoroj el 11 landoj.
TEATRAĴOJ: 1. ne aljuĝita; 2. *La ruĝaj formikoj* de Georges Lagrange, Francio; 3. *Nepo bonita* de Sten Johansson, Svedio. Partoprenis 11 teatraĵoj de 9 aŭtoroj el 6 landoj.
ESEO: Premio Luigi Minnaja: *...strebad' iel valoras eĉ en duongrad'* de Olle Hällefors, Svedio; 2. *Plurlingvismo kaj unulingvismo en Eŭropo tra la jarcentoj* de Gian Carlo Fighiera, Italio; 3. *La ĉeĥa literaturo en la spegulo de la Esperantaj tradukoj* de Oldřich Knichal, Hungario. Partoprenis 8 eseoj de 7 aŭtoroj el 5 landoj.
KANTO: Premio An Song-san: *Tia ĉi* de Tarcisio José de Lima, Brazilo; 2. *Io lonta* de Tarcisio José de Lima; 3. *Ho mia land'* de Fiorello Fiorentin, teksto, kaj Aldo Fiorentin, muziko, Italio, kaj *Hej! Hipopotamo* de Mike Sadler, Hungario. Partoprenis 8 kantoj de 4 aŭtoroj aŭ aŭtoraj duopoj el 4 landoj.
INFANLIBRO DE LA JARO 1995: *La infanoj en la arboj* de Gudrun Pausewang, tradukita de Nora Caragea, eldonita de Inter-Kulturo, Slovenio. Partoprenis 4 libroj de 4 eldonejoj el 4 landoj.

## Novaĵoj el Aŭstrio

Jam ekde 1990 la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno katalogiĝas siajn librojn rekte en la biblioteka komputila sistemo. Tiel iom post iom kreiĝas elektronika katalogo, kiu enhavos ĉiujn librojn de Internacia Esperanto-Muzeo. Tiu katalogo estas parto de la sistemo de la Aŭstria Nacia Biblioteko kaj tiel konsultebla per INTERRETO en la tuta mondo.

-http://www.onb.ac.at/intespm.htm
direktoro mag. Herbert MAYER
e-poŝto: mayer@grill.onb.ac.at

Kongresanoj laŭ landoj (sub oblikva streko postaj aliĝintoj): Albanio 2, Alĝerio /2, Argentino 8/2, Aŭstralio 10, Aŭstrio 27, Belgio 92/4, Bjelorusio 5, Bosnio-Hercegovino 1, Brazilo 52/6, Britio 73/6, Bulgario 35/1, Ĉeĥio 371/8, Ĉinio 21, Danio 41, Estonio 19/3, Etiopio 1, Finnlando 77/1, Francio 214/5,Ganao /3, Germanio 332/12, Grekiando 1, Hispanio 65/1, Hungario 64/12, Irano 18/5, Irlando 5, Islando 10, Israelo 26/3, Italio 114/4, Japanio 199/3, Jugoslavio 18, Kanado 7, Kazaĥio /3, Kolombio 1, Korea Resp. 30, Kostariko 1, Kroatio 31/4, Kubo 6, Latvio 39/1, Liĥtenŝtejno 1, Litovio 40/9, Luksemburgio 4, Madagaskaro 1, Makedonio 9, Malajzio 1, Malto 3, Meksikio 2/1, Mongolio 1, Nederlando 132, Norvegio 26, Pakistano 1, Pollando 191/3, Portugalio 7, Rumanio 12, Rusio 85/19, Slovakio 66/1, Slovenio 10, Svedio 96, Svislando 42, Taĝikio 3, Togolando 1/1, Turkio 4, Ukrainio 27/2, Usono 47/1, Venezuelo 3, Vjetnamio 2/1, Forpasintoj 5. Entute: 2837/133 = 2970.

Eŭroparlamentanoj subtenantaj Esperanton (EP-anoj/subtenantoj): Unio Por Eŭropo 54/14, Verduloj 20/5, Eŭropaj Liberaluloj Demokrataj kaj Reformantoj 52/8, Popola Partio Eŭropa (Kristan-Demokrata) 173/20, Partio de la Socialistoj Eŭropaj 217/24, Eŭropa Unuiĝa Maldekstro 33/2, Eŭropo De la Nacioj 19/1, Ne Enskribitaj 31/1. Entute 626/81.

**Instituto pri kibernetiko** serĉas anglalingvanon interesitan pri kibernetika estetiko por tradukado de 120-paĝa lernolibro, skribita en Esperanto kaj la germana. Bv. kontakti KN 45 (Helmar Frank, Kleinenberger 16, D-33100 Paderborn, Germanio).

## Aŭtoraj duonhoroj

Pintajn momentojn de kortuŝo atingis la prezento de la kroata aŭtorino **Spomenka Štimec** dum la *Aŭtoraj duonhoroj* en la kongresa libroservo.

La aŭtorino estas konata kiel rakontisto de amoj kaj disiĝoj, vojaĝoj kaj dummilitaj spertoj - ĉio nedisigeble ligita al Esperantujo, kie ŝi hejmas. La lastan parton de sia prezento Spomenka dediĉis al sia lasta verko, „Tena", kiu portretas per la figuro de ŝia avino Mezeŭropon tra nia jarcento. Fine de sia parolado, kiun atente sekvis pli ol 50 aŭskultantoj, la verkistino aŭtografis siajn verkojn.

Per deklamo de „epopeo" pri „ŝtata kato", kiu malaperis sed poste reaperis en la rezidejo de la brita ĉefministro, **Marjorie Boulton** amuzis ĉirkaŭ 40 aŭskultantojn. Responde al demando la eminenta aŭtorino malkaŝis, ke pli kaj pli ŝi konsideras verki libron pri siaj memoroj ĉar - kiel ŝi diris - kvankam ŝi ne trovas sian propran vivon tro interesa, ŝi renkontis interesegajn homojn en Esperantujo kaj tre logas ŝin esplori „kial iu personeco estas tia, kia ĝi estas".
Demandita pri sia amo al katoj la doktorino respondis, ke ŝi ŝatas ilin, ĉar „ne estante alies edzoj ili estas kareseblaj kaj ronronas."

**Televida intervjuo pri la 81-a UK**

Marde la 23-an la ŝtata Ĉeĥa televido elsendis en la tre ŝatata kaj multe rigardata programo „Studio 6" mallongan programeron pri la Praga kongreso kaj pri Esperanto ĝenerale. Intervjuitoj estis LKK prezidanto Vl. Kočvara kaj komitatano de Ĉeĥa Esperanto-Asocio Vlad. Hasala. Oni donis bazajn informojn pri ekesto de la lingvo kaj pri nuna stato de la movado. Ne mankis mencioj pri gravaj sesioj enkadre de la kongreso.

kov

## AIS transdonas Premion „Germain Pirlot"

Kadre de la inaŭguro de SUS 16, kiu merkrede je la 9-a okazas en Hotelo Forum, AIS transdonas la Premion „Germain Pirlot" por la jaro 1995. La premio iras al la sciencistoj Reinhard Selten kaj Jonathan Pool pro ilia verko „Enkoduko en la teorion de Lingvaj ludoj - ĉu ni lernu Esperanton?"

La Premio Pirlot estas ĉiujare aljuĝata al scienca verko, kiu almenaŭ duone estas en Esperanto. En 1996 la premion ricevis la Ukraina medicinisto I. Galajĉuk pro la kongresvolumo „10-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco" redaktita de li.

Reinhard Fössmeier, Inform-ofico de AIS

**ATENTON:** Okazas, ke skribemuloj el inter la kongresanaro forgesas siajn salutkartojn afranki aŭ afrankas ilin ne sufiĉe. Tiujn la giĉeto „Filatelio" ne transdonas al poŝto por ekspedo, ĉar oni devus punpage elspezi duoblan sumon por afranko. Tiuj ĉi sendajoj estas metitaj flanken kaj ne atingos siajn adresatojn! Bonvolu, do, kontroli, ĉu ankaŭ vi ne estas inter la forgesuloj!

**BAHAANOJ KUNSIDIS:**

Lunde en salono Pumpr fratece kunsidis ĉirkaŭ 70 homoj por debati kun B.E.L. kiel antaŭenigi daŭre prosperantan kulturon. Per ekzemploj de protektado kaj kultivado de la kultura heredaĵo laŭ la principo „Unueco en Diverseco". S-ino Otto rakontis pri la lukto de bahaaj indianoj en Panamo kontraŭ „Koka-Kolismo" por savi sian kulturon. S-ino Schouten-Boys priskribis la klopodojn de la Bahaa Asocio por la Artoj por vivigi riĉan kaj buntan kulturon de la homaro interalie per Esperanto. Poste okazis diskuto por provi difini, ĉu kulturo estas valoro aŭ varo. La Aŭstraliaj aborigenoj montras al ni, ke kulturo povas esti preskaŭ sen varoj kaj ke misuzataj varoj povas mortigi la esencajn valorojn. Sed la homaro de longe ne plu vivas en la praa ŝtonepoko: Ĝi bezonas varojn, sed tiuj varoj nepre devas resti **valoraj**. Tiel diris Bahá'u'lláh (fondinto de la Bahaa kredo) dum la dua parto de la 19a jarcento: la problemoj de la homaro estu solvitaj nur per unueco kaj per „spiritaj", kulturaj rimedoj.

**Korektoj de niaj preseraroj:**
En la artikolo pri la ĉeĥa kunsido de IPTEA en la numero 4, 3-a paĝo ni ne ĝuste publikigis la nomon de la prezidanto de IPTEA, s-ro Mäki-Luopa. Ni korektas la eraron kaj petas pardonon.
Ĉar la informoj de la akceptejo ne estis kompletaj, ni ne bone indikis la patrujon de s-ino Ina Tautorat, KN 2946, ŝi alvenis el Germanio, el urbo Berlino.

## Afrika agado

Kunvenon de la Afrika Agado lunde partoprenis reprezentantoj de kvar afrikaj landoj, Alĝerio, Ganao, Madagaskaro kaj Togolando. En proksimume tridek afrikaj ŝtatoj oni lernas Esperanton el lernolibroj anglaj, francaj, portugalaj k.s., sed ili havas malmulte da ili por propagandado kaj bezonas helpon de esperantistoj el aliaj kontinentoj. Ankaŭ propraju verkojn kaj tradukojn de afrika literaturo ili havas preparitaj, sed bezonas financan helpon por eldonado. Por ambaŭ celoj servas Afrika Fondajo de UEA, kiun prizorgas s-ro Hans Bakker. Por ricevi pli detalajn ajn informojn pri afrika kulturo, kontaktu Jaŭ el Ganao, KN 2848.

## Monumento antaŭ la kongresejo

Antaŭ la ĉefa enirejo, post la statuo, vi povas trovi sur herbobedo tilion kaj ŝtonblokon kun jena surskribo: *„Ĉi tiu tilio estis plantita por memoro pri la centjara datreveno de Esperanto kaj la okdek-kvina datreveno de la esperantista klubo en Praha. KEP 1987"* De la alia flanko estis fiksita sur la ŝtonego granda tabulo kun surskribo: *„Honore al la 81-a kongreso de Esperanto en jaro 1996."*

## Ĉeĥaj artistoj al la 81-a UK

Apud operkantistoj, konataj jam inter esperantistoj (Miroslav Šmyčka, Josef Vich, Václav Halíř, Helena Halířová-Supová), kaj same famaj violonisto Jan Duda kaj klarnetistino Bohuslava Šrutová aperis junaj artistoj Tomáš Fiala (tenoro), Ema Hubáčková (soprano) kaj Alžběta Rablová (alda violono). Sed ankaŭ amatoroj koncertis: Štěpánka Rousková-Poulová (kanto), kaj Zuzanka Urbanová (Violono), 11-jara laŭreatino de muzikaj konkursoj por junularo. La aŭskultantoj ĝuis verkojn de grandaj komponistoj (Dvořák, Smetana, Suk, Mozart, Verdi, Schubert, Puccini, Weber, Moniuszko, Godard, Marcello) en Esperanta vesto, sed ankaŭ teneran Lulkanton de nia pedagogo Jan Amos Komenio (17a jc.). Speciale interesa programero estis kantoj komponitaj de ĉeĥa esperantisto Lubomír Huf laŭ poemoj de bulgaraj esperantistaj poetoj Dimitro Denčev kaj Penka Batoeva, kiujn kantis per sia nature agrabla voĉo Štěpánka Rousková-Poulová.

-mm-

# Pragaj Sonoriloj

Materaj N-ro 8

**Kongresa kuriero, Ĵaŭdo, la 24-an de julio 1996**

Kongresa Kuriero aperas dank' al helpo de firmao OCÉ ČR, s r o.

## NITOBE-simpozio

Marde vespere finiĝis la tritaga Nitobe-simpozio de internaciaj organizaĵoj pri lingvo por la internacia paco kaj demokratio, kiun organizis UEA paralele kun la 8-a UKE. En ĝi partoprenis reprezentantoj de UN, UNESKO, Eŭropa parlamento, internaciaj neregistaraj organizaĵoj kaj de UEA.

UEA organizis la unuan Nitobe simpozion omaĝe al la fama japana diplomato Inazo NITOBE, kiu en 1921 ĉeestis la kongreson en Prago kiel ĝenerala sekretario de Ligo de nacioj. Li raportis pri lingvaj problemoj de komunikado kaj pri Esperanto kaj nomis ĝin „la motoro de internacia demokratio".

Dimanĉe la reprezentantoj de internaciaj organizaĵoj ekkonis la funkciadon de Esperanto kiel kongresa lingvo. Lunde la simpozianoj pritraktis la lingvajn politikon kaj praktikon en UNO kaj en Esperanto-komunumo kaj ankaŭ la lingvan diversecon kaj lingvan demokration kaj la rolon de Esperanto en Eŭropo. Hieraŭ antaŭtagmeze estis pridiskutitaj lingvaj programoj de UNESKO kaj edukado por la internacia konscio pere de Esperanto. Posttagmeze okazis la ronda tablo pri la lingvoj en internacia kunlaborado, kie reprezentantoj de kelkaj internaciaj organizaĵoj, kiuj uzas ankaŭ Esperanton, priskribis siajn spertojn.

Fine estis akceptitaj tri rekomendoj por la estonta kunlaborado inter internaciaj organizaĵoj. Grava estas la agado sur la kampo de protekto kaj konservado de la lingva diverseco en la mondo kaj de certigado de lingvaj homaj rajtoj, precipe en edukado. Necesas plibonigi la interkompreniĝon inter kulturoj kaj komprenon de mondaj problemoj. Gravas efika kaj altnivela internacia komunikado, sed oni devas konsideri ankaŭ egalecon kaj financan raciecon. Estis proponite fondi Centron por internacia lingva planado, kiu kunligus ĉiujn klopodojn por kvalita, efika kaj egalrajta komunikado inter homoj kun malsamaj gepatraj lingvoj.

Janez Jug

### Kunveno de Monda Kunagado

okazos vendrede, 12.00 horo, salono Hodler. La esperantista Unesko-klubo traktos sian venontan agadon. Informas Pascal Lécaille (KN 2815) kaj Mark Fettes (KN 304, estrarano de UEA).

## LIBROJ DE LA JARO (beletro)

Ĉi tiu aranĝo en la pasinta UK estis tiom sukcesa, ke ĉi-jare ĝi devis disduiĝi al du prezentoj: beletra (lunde, 9 - 10.30) kaj cetera (marde, 16 - 17.00h Drajev).

Resumoj de enhavoj, legado de fragmentoj kaj eĉ anekdotoj eldonistaj intersekvis dense en la lundaj, beletraj 90 minutoj.

**Ĉina E-Eldonejo** alportis la unuan volumon de la grandioza ĉina romano RUĜDOMA SONĜO, kiu post la apero de la kompleto, estos la plej ampleksa beletra traduko iam ajn aperinta E-lingve.

**Impeto** (Moskvo) prezentis, voĉe de Andreo Pettyn, fragmenton de la utopia, soci-kritika romano ARDES de B. Tornado (pseŭdonimo de Boris Tokarev, † 1994), amare amuzan.

La loka „skipo" **Kava-Pech** premierigis la mondkonatan dramon AŬDIENCO de Václav Havel, 17 rakontojn de Franc Kafka en aparte fidela traduko de V. Lutermano kaj la poemaron PEZA VINO de Eli Urbanová.

Eĉ **Fonto** (Brazilo) publikigis la ĉeĥan poetinon (VINO, VIROJ KAJ KANTO) en unu el siaj freŝaj beletraj kajeroj. Alia ĉeĥaĵo el Brazilo estas bela reeldono de BAPTO DE CARO VLADIMIRO de Karel Havlíček Borovský, fama traduko de Pumpr.

**Sezonoj** (Rusio) ne konsentas pri degenero de librokulturo, almenaŭ en Esperantujo: la libroj, kiujn ĝi prezentis pasintjare, jam elĉerpiĝis. Tiu sorto certe trafos la novajojn: PRINCIDINO MARY (Lermontov), KVARTETO (kvar poetoj originalaj), LA NASKIĜO DE LA RUST-IMUNA ŜTALRATO, sciencfikcia romano de la mondkonata, esperantista Harry Harrison (kiu ĉeestas la UK-on), kaj LA DU TUREGOJ, dua volumo de la Tolkien-a LA KUNULARO DE L'RINGO, el kiu laŭtlegis la tradukinto, William Auld.

La **Kancerkliniko** (Francio) estas ne nur revuo, sed eĉ eldonejo!

**Edistudio** (Italio) alvenas kun reeldono de OMBRO SUR INTERNA PEJZAĜO, furora romano de Spomenka Štimec, STOKITA VINO, rakontaro de Poul Thorsen, kaj Kafka - volumo tradukita de Mauro Nervi.

Verkisto Manuel de Seabra (Barcelono) mem prezentis sian romanon LA ARMEOJ DE PALUZIE (Vieno: **Pro Esperanto**), kiun li juĝas la plej bela el siaj multaj libroj, aperintaj en diversaj lingvoj.

Fine, Andreo Pettyn anoncis pri beletrajoj aperintaj kaj aperontaj sur sonkasedo, zorge de Pola Asocio de Nevidantoj (t.a. LA FARAONO de Prus kaj QUO VADIS? de Sienkiewicz). -IE-

## TAO - kunvenoj

Marde 96-07-23 okazis la dua ĝenerala kunsido de la Universala Tao-Stud-Ligo Esperantista (UTSLE). Okazis balotado pri estraro. La kontakt-adreso: Bradio V. Moro III, prezidanto, Skrytka 147, PL-47-220 Kędzierzyn-Koźle, Pollando. Pri taoismaj temoj vi denove povas aŭskulti enkadre de la Interreligia kunveno Esperantista ĵaŭde je la 16.30 eh la antaŭĉambro de la salono Drajev kaj dum la kunveno por nov-interesitoj, kiu okazos je 18.00 en salono Hodler.

